# Etnismo

ISSN0930

N-ro 87 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 15.04.2011

## EN TIU ĈI NUMERO:





Ursula Schnelle-Moritz kaj Uwe Joachim Moritz

# ASPEKTOJ DE BALKANIO

## Historio en la nuno de Sarajevo ĝis Tirano



La malfone pozanta homo promesis en 2001 reveni al *Mostar*, kiam la nova Malnova Ponto estos rekonstruita, kaj li plenumis la promeson ses jarojn post la inaŭguro.

### PREFERE MALFRUE OL NENIAM

Dum la milito en Bosnio kaj Hercegovino (1992-1995), la pluekzistado de tiu ŝtato estis minacata ne nur far la enlandaj serboj, sed - en certaj periodoj - ankaŭ flanke de la bosniaj kroatoj. Ĉi ties armeo, la 9-an de novembro 1993, estis bombardante detruinta la “Turkan Ponton” el la jaro 1566. Admirante, en 2001, la restojn de tiu ĉi ponto en la urbo *Mostar,* ni promesis reveni, kiam la restaŭrado estos finita. La laboroj finiĝis, kaj en 2004 oni inaŭguris la grandioze renovigitan konstruaĵon (pagitan far Turkio), sed nia vizito prokrastiĝis ĝis septembro 2010.

La detruo de tiu ĉi ponto, cetere ne uzebla por aŭtoj, estis barbaraĵo, evidenta artifiko de psikologia militado. Ĉar la objekto havis nenian taktikan aŭ strategian utilon, sed la celo de ĝia forigo ja estis provo forviŝi gravan elementon el la konscio de la homoj: videblan memorigilon pri la kontribuo de la turka arkitekto *Hajrudin* al la kulturo. Estas imageble ke la kroataj armeanoj volis kontraŭmisiisme forskrapi kvincent jarojn el la historio de Bosnio kaj Hercegovino. Kia frenezaĵo!

### KIEL FARTAS LA HOMOJ DEK-KVIN JAROJN POST MILITO?

En Sarajevo kaj Priŝtino, niaj du unuaj haltejoj, la militoj de 1992-1995 respektive de 1998/99 estas videblaj aŭ palpeblaj tre klare, kvankam diversamaniere.

### Bosnio kaj Hercegovino - ĉu eblas tri en unu?

Kompare al 2001, la aspekto de pluraj lokoj de nia limpasejo apud *Slavonski Brod* ĝis inkluzive Sarajevo pozitive evoluis. Malgraŭ la pluekzistado de multaj ruinoj, precipe en la kamparo, oni tuj vidas riparitajn kaj novkonstruitajn domojn kaj stratojn, kie promenas homoj tiel vestitaj ke fremdulo estas ĝojige surprizita. En la vendejoj abundas ĉiaj varoj, kaj ne mankas aĉetemuloj. Memkompreneble, ni tute ne scias ĉu tiuj impresoj kongruas kun la vera situacio de la socio. Ĉiukaze ni vidis ankaŭ almozpetantajn infanojn kaj plenkreskulojn.

Pli gravas la nevideblaj spuroj de la militaj detruoj. La ŝtato Bosnio kaj Hercegovino troveblas sub tre peza damokla glavo: La plimulto de la serbaj politikistoj ofte ripetas la

minacon ke ili memstarigos la Serban Respublikon (1). Ĉar por tion atingi ili bezonus fortan subtenon flanke de la Respubliko Serbio, almenaŭ provizore tia evoluo ŝajnas ne realisma pro la klopodado de Serbio proksimiĝi al la Eŭropa Unio. La nuna bojkotado de multegaj projektoj far la serbaj radikaluloj paralizas nepre bezonatajn reformojn, kies efektivigo plifaciligus la vivon ankaŭ de la serbaj civitanoj. Pri tiuj ĉi aspektoj komparu la eldirojn de ministro *Halilović* en la unua intervjuo. - En tuj sekvinta interparolado, la asista ministrino, s-ino *Saliha Djuderija,* detaligis kelkajn aspektojn: Antaŭ la milito en Bosnio kaj Hercegovino estis registritaj 17 etnaj minoritatoj, inter kiuj la plej ampleksaj estis la romaa, juda, ukraina, slovaka kaj rumana; en Sarajevo agadas asocioj de italoj, slovenoj, germanoj kaj ĉeĥoj, dum ukrainoj kaj rumanoj vivas kompakte en la urboj *Prnjavor* kaj *Prijedor* (norda Bosnio). Nuntempe la nombro da minoritatanoj, kompare kun la totalo de enloĝantoj, estas neglektebla. Karakterize de la disfalo de Jugoslavio okazis etna distavoliĝo kaj hegemoniiĝo de bosnoj, serboj kaj kroatoj kaj pligrandiĝo de tiu specifa "etna" kategorio



Tiu ĉi loknomo elvokas la memoron pri la plej granda amasmurdado efektivigita en Eŭropo post la Dua Mondmilito.

deveninta el miksitaj geedzecoj, kiuj iam deklaris sin "jugoslavoj" kaj en la novaj cirkonstancoj nomas sin "bosnianoj". La romaoj, kiuj estas ĉirkaŭ 30.000 kaj ne havas metropolan ["patrinan"] ŝtaton, estas la plej granda problemo, kaj dum la Jardeko de la Romaoj la ŝtato dediĉas plej grandan atenton al plibonigo de la situacio de tiu minoritato. - Kvankam estas garantiata al la minoritatoj la






***SRBIJA = AGRESIJA = GENOCID = DEJTON = REPUBLIKA SRPSKA***

Rande de la tombarejo pendas pluraj akuzaj sloganrubandegoj.

rajto pri instruado en la gepatra lingvo, tio ne estas ĝenerale realigebla pro la malgrandega nombro dise tra la lando. Tiujn lingvojn oni uzas por kultura aktivado, ekzemple eldonado de literaturo, sed ilia uzado, kun tradukado, ĉe tribunalo estas garantiita. Laŭ la lasta popolnombrado, en 1991, la minoritatanoj estis 7,8% el la tuta civitanaro, el kiuj 5,5% estis "jugoslavoj". Tio klarigas ke la minoritatoj ja havas kulturan kaj religian aŭtonomion, sed ne povas havi politikan aŭtonomion. - En la lerneja kampo oni zorgas ke la t. n. instru-kernoj ekskluzivas ofendajn enhavojn. La problemo ne troviĝas en temoj el la malproksima historio, sed ja el la nuntempo, t. e. la lasta milito, la sendependiĝo, la ŝtateco de Bosnio kaj Hercegovino ktp. Interetnaj incidentoj, ekzemple, en medioj de lernejanoj, estas nun tre maloftaj. En publikaj kulturaj aŭ sportaj eventoj ja okazas tiaj incidentoj instigitaj far certaj interes-grupoj esence naciismaj aŭ eĉ faŝismaj. En la parlamento oni provas akcepti projekton de leĝo malpermesonta novfaŝismajn insignojn kaj simbolojn de militkrimoj. Ni povis viziti lokon, kie oni kreis imponan akuzilon de la indigniga masakrado, far serbaj armeanoj-krimuloj, de pli ol **8.000** bosnaj viroj kaj knaboj, senescepte civiluloj. Temas pri la granda, dece aranĝita tombarejo de *Srebrenica-Potočari* kie estas instalata muzeo de la teruraĵoj. Utilas memori ke tiu loko situas en la Serba Respubliko: Rande en la tombarejo pendas grandegaj rubandoj akuzantaj precize la serbojn kaj aliajn milit-agintojn pro la murdado kaj la maljustega "packontrakto". Sub forta premo flanke de Usono tiu dokumento estis interkonsentita en *Dayton* (Usono) kaj subskribita la 14-an de decembro 1995 en Parizo far la prezidantoj de Bosnio kaj Hercegovino (*Alija Izetbegović*), Kroatio (*Franjo Tuđman*) kaj Serbio (*Slobodan Milošević*). La agreson far la serboj oni "rekompencis" per cedado de teritorio: La Serba Respubliko ampleksas 49% el la ŝtata surfaco, dum ilia procentaĵo de enloĝantoj estis en 1991, do antaŭmilite, nur 31,4%; la Bosniaka-Kroata Federacio okupas 51% de la teritorio kaj konsistis tiam el 43,7% da muzulmanaj bosniakoj kaj 17,3% da kroatoj; la ceteraj civitanoj estis alia-etnaj.

Feliĉe oni sukcesis savi kontraŭ forgeso elstaran faktoron de la kuraĝa rezistado de la sarajevanoj: 800 m-longan tunelon fositan en la printempo 1993 sub la flughaveno de la ĉefurbo. Tiel ekestis la ebleco provizadi la urbon per nutraĵoj, medikamentoj kaj fuelo kaj transporti vunditojn kaj aliajn malsanulojn, eĉ mortintojn. Ĉio ĉi okazis sub




Eĉ tia foto de parteto el la tombarejo en *Potočar*i, proksime de *Srebrenica*, dokumentas la hororon.

konstanta kanonado far la serbaj sieĝantoj de Sarajevo. Inter la bosnaj oficiroj deĵorantaj ĉe la tunelo estis ankaŭ nia amiko *Senad Čolić,* kiu klarigis al ni plej aŭtentike la multajn ekspoziciaĵojn en la Tunelo-muzeo.



Rigardo en la tunelon, kies profilo estis 1,0 x 1,5 m. fositan sub la aviadilejo de *Sarajevo* por ebligi provizadon de la urbo sieĝata far la serba armeo.

## KOSOVO, LA PLEJ NOVA ŜTATO DE EŬROPO

Kosovo kiel ŝtato ekestis maljam la 17-an de februaro 2008 per la parlamenta deklaro de sendependeco. El la 120 membroj de la parlamento 109 voĉdonis favore kaj 11 ... malĉeestis, inter ili la dek serbaj deputitoj. Ĝis la 18-a de decembro 2010 nur 72 el la 195 ŝtatoj de la mondo agnoskis la ekziston de tiu ĉi plej "juna familiano". Tiu rifuzo eksplikeblas sufiĉe simple per la timo de multaj politikistoj ke la memstariĝo de Kosovo povus esti modelo por, ekzemple, ujguroj (Ĉinio), eŭskoj (Hispanio kaj Francio), noĥĉoi (ĉeĉenoj/Rusio) kaj aliaj etnaj minoritatoj kiuj sentas sin sub jugo de alietna plimulto. La plej obstinaj neantoj de la nova fakto estas la kosovaj serboj, el kies 228.264 anoj en 1971 (18,4%) estis nombritaj en 2006 malpli ol la duono: 111.300 (5,3%). Jen paralelo kun la sinteno de la serboj en Bosnio kaj Hercegovino. La serbaj politikistoj asertas ke la "lulilo" de la serba popolo staris en Kosovo, kaj ili tiel pravigas la serban pretendon ke tiu "tero" eterne devas resti serba. Ĉu tia pensmaniero ne parencas ŝoke kun la hitlera "tero-kaj-sango"-ideologio?

## KOSOVAJ SERBOJ APENAŬ INTEGRIĜAS KAJ MISKOMPRENAS LA HISTORION

En Kosovo la serboj ja vivas precipe en la norda parto de la dividita urbo *Mitrovicë/Kosovska Mitrovica,* pli norde ĝis la limo kun Serbio en la tri municipoj *Leposaviq/ Leposavić, Zubin Potok* kaj *Zveçan/Zvečan.* Relative multaj serboj estas troveblaj inter *Prizren* kaj la *Sharr*-montaro kaj en la sudoriento de la lando inter *Ferizaj /Uroš*evac kaj la limo kun Makedonio (kosova mapo. p. 9); en aro da municipoj, ankoraŭ, loĝas serbaj familioj protektataj far KFOR-taĉmentoj (2).

Ĝis antaŭnelonge ankaŭ aliaj objektoj estis soldate ŝirmataj: la ortodoksaj preĝejoj kaj si-



milaj konstruaĵoj. Unu el la plej famaj lokoj, la monaĥejo de *Gračanica* konstruita en 1321 kaj situanta ok kilometrojn ekster Priŝtino, okulfrape memorigas pri la danĝero minacanta ĉi-foje flanke de radikalaj albanoj: Sur la muro apud la enirejo restas rulaĵoj de pikildrato por malhelpi ripeton de la atakoj el la jaro 2004. Tamen, soldatoj ne plu deĵoras en la monaĥeja tereno; tiu juvelo de religiaj arkitekturo kaj pentroarto feliĉe estas denove libere vizitebla, kaj vizito estas vere rekomendinda.

Eĉ mallongeco de halto en la ĉefurbo de Kosovo ne povus pravigi malatenton pri loko saturita de historio: la "Kosova Kampo". Tie ĉi, la 15-an/28-an de junio 1389 (3) la invadantaj muzulmanaj otomanoj estrataj de sultano *Murad* la Unua venkis la unuiĝintajn kristanajn armeojn komanditajn far la serba princo *Lazar,* sub kiu batalis same serboj kiel bosnoj, albanoj, bulgaroj, aromunoj (4) kaj aliaj. Cetere, ambaŭ arme-estroj mortis ĉi-okaze. Laŭ la floregintaj legendoj, *Murad* estis murdita far la serba vasalo *Miloš Obilić* kaj *Lazar* estis punmortigita far la venkintoj.

En 1448 kristana armeo de madjaroj, serboj kaj aliaj, sub komando de *János Hunyadi,* la provizora estro de Hungario, estis neniigita far otomanoj en la sama Kosova Kampo. Tio neniel malhelpis la ĵus elektitan prezidanton de la Respubliko Serbio, *Slobodan Milošević,* kunvenigi en la 600-a jartago post la unua ĉefe serba katastrofo proksimume unu milionon da serboj en tiu loko, kiu devus esti "nacia funebrejo". La amasoj estis alveturigitaj per 5.000 aŭtobusoj el ĉiuj partoj de Jugoslavio aŭ venis per dekoj da specialaj trajnoj, per miloj da privataj aŭtomobiloj kaj eĉ aviadile el okcidenta Eŭropo, Aŭstralio, Kanado kaj Usono. En sia polemikado kontraŭ la albanoj *Milošević* montris plian fojon sian veran vizaĝon minacante ke, se necesos, la serboj uzos ankaŭ armilojn por defendi la apartenon de Kosovo al Serbio. Resume, li donis al la amasego da aŭskultantoj la senton ke ili estas festantaj venkon atingotan kontraŭ la muzulmanoj (= albanoj) venĝe pro la eventoj en 1389 kaj 1448. En 1953, sur la iama batalkampo estis starigita alta turo kun multaj tekstoj glorantaj la "heroojn" mortintajn por la patrujo. Tiucele ĉiun jaron multaj serboj pilgrimas al *Gazimestan* (la monumentejo en la Kosova Kampo) en "*Vidovdan*", la tago de sankta Vito, t. e. la 28-a de junio, kaj KFOR-taĉmentoj devas protekti la manifestaciantojn.



La serb-ortodoksan monaĥejon en *Gračanica* (proksime de *Prishtinë*) protektas alta muro kun pikildrata "krono" kontraŭ eventuala detru-atako muzulman-albana.

Proksime de tiu loko troviĝas la maŭzoleo de la murdita sultano *Murad* kaj ankaŭ la tombo de turka standardisto.

Kutime neniu eksplikas la nomon de la Kosova Kampo. En diversaj lingvoj la nomo konsistas el la samaj elementoj "kampo" kaj "Kosovo": *Fushë* e *Kosovës* (albane), *Kosovo polje* (serbe), *Kosowe Pole (pole) Kosovopole* (bulgare), *Cossovo-polie* (itale) kaj *Plaine de Kossovo* (france); en angla historia atlaso aperas simple *Kosovo.* Inter la konsulteblaj verkoj nur unu kastilia enciklopedio mencias *Campo de los Mirlos,* kiu samsignifas kiel la germana *Amselfeld* (Kampo de la Merloj). Restas du de-

mandoj: Ĉu *Kosov-* estas efektive derivita de la serba *kos,* kiu signifas "merlo", kaj ĉu la birdoj supozeble amase tie viditaj vere estis merloj? Ĉu ili fakte estis monedoj (korvetoj)?

## ALBANA MALKONTENTECO, LA SERBA NORDO KAJ KAOSO

En Kosovo evidente kaj kompreneble tute ne ĉiuj albanoj estas kontentaj pri la politika evoluo. Promenante tra la ĉefurbaj stratoj oni vidas plurloke murskribaĵojn proteste kontraŭ la kuratoreco de la institucioj *UNMIK* kaj *EULEX* (5) de la "internacia komunumo". Tiuj institucioj estas konsiderataj, flanke de ŝajne konsiderinda parto de la albanaj civitanoj, malamikaj kaj nov-koloniismaj, ĉar mankas al ili demokratia legitimado kaj ĉar la ŝtataj entreprenoj estas vendataj al privatuloj. La ĉefa reprezentanto de tiu tendenco estas la movado á *Vetëvendosje* (sindeterminado), kies aktivistoj "kompletigis" la mallongigon *UN* sur aŭtoj kaj aliloke per du literoj: *F UN D (fino) aŭ T UN* G (Ĝis!).




**"Mi voĉdonas - vi voĉdonas - li/ŝi voĉdonas - ni voĉdonas - vi voĉdonas - ili profitas"**
- protesto kaj akuzo kontraŭ la internaciaj aŭtoritatoj en Kosovo, kiujn albanaj naciistoj suspektas servistoj de Serbio ...

Iusence Kosovo estas kaosa: En la serbe dominata nordo eblas pagi per la tutŝtate oficiala eŭro (!) kaj per la serbia dinaro; malgraŭ senlaboreco de inter 45 kaj 50 procentoj ne ekzistas sociala asekuro, sed la serbaj senlaboruloj ja ricevadas pagojn rekte el Beogrado; ĝis antaŭ malmultaj jaroj la serbaj instruistoj ricevis duoblan salajron, sed nun ili devas decidi el kiu kaso ili volas pagati, kaj la salajro, kiun Beogrado pagas al serba instruisto en Kosovo, estas pli alta ol tiu pagata al samprofesiulo en Serbio. Ofte videblas la ŝtata flago de Serbio. - Estas facile imageble, kvankam tute ne rekomendinde ke en albanaj lernejoj oni ne povas lerni la serban lingvon kaj inverse. - Bonŝanculoj estas tiuj homoj, kiuj ne bezonas serĉi straton en Priŝtino aŭ la vojon ie en la lando: Stratnom-tabuloj kaj voj-indikiloj estas raraĵo. Se la ŝtato kaj individuoj celas iom-post-ioman kreadon de ekonomia bonfarto, turistoj povas utili, sed nepre necesas faciligi al ili al- kaj revenon per normalaj servoj. Kvankam ni spertis tra dekoj (!) da kilometroj vesperan veturadon sur dezerteca imagenda trako, kie tute ne rimarkeblis konstruaktiveco, ja estas esperige ke diversaloke ekzistas signoj pri transformiĝo de interurbaj stratoj. En la centro de Priŝtino unu el la malmultaj stratnom-ŝildoj mirigis nin duoble: Unue, ni ne atendis straton kun la nomo de la nun malpermesita *UÇK Ushtria Çlirimtare e Kosovës* (Liberiga armeo de Kosovo), kaj, due, ni ne sukcesis facile solvi la enigmon de la meza el la tri surŝildaj mallongigoj *Rr. St. Ul.;* ni ja konjektis ke la unua kaj la tria signifas *rruga* respektive *ulica,* tio estas




Povas surprizeti nomtabulo de *UÇK*; kiu estis malfondita postmilite, laŭ postulo de la "internacia komunumo", kies organoj ankoraŭ aktuale regas la intertempe formale sendependan Kosovon.

"strato". Nu, la meza estas *street:* la angla estas kvazaŭ la tria oficiala lingvo apud la albana kaj la serba.



La nova bluega "*Kadi Çeshme*"-moskeo en *Tetovo* (nordokcidenta Makedonio), inaŭgurita maljam la 7-an de septembro 2010, estis pagita de "*ECOLOG*", la firmao de *Lazim Destani* kiu "kreskis" de filo el najbara vilaĝo ĝis fondinto kaj nuna estro de mondvaste sukcese aganta entreprenaro.

**NËNA TEREZA**

De Priŝtino ĝis Tirano akompanis nin la nomo de fama virino aktivinta longan tempon inter la plej malriĉaj homoj de Kalkato (Barato). Ŝi naskiĝis antaŭ 100 jaroj en la makedona ĉefurbo Skopjo: *Gonxhe Bojaxhiu* nomata poste "Patrino" *Tereza,* certe la plej vaste konata albanino. En la ĉefurbo de Kosovo ŝian nomon havas la larĝa, longa kaj agrabla bulvardo, en Skopjo ni trovis monumenton omaĝe al ŝi kaj apartan "Nacian Memorejon" pri ŝi, kaj fine, en Tirano giganta afiŝo en la centra placo anoncis ke la jaro de la 1OO-a datreveno de ŝia naskiĝo estas dediĉita al *"Nëna Tereza"* sub la speciala protekto de la ĉefministro de Albanio, *Sali Berisha.*

**RAVAJ MOSKEOJ, DERVIŜEJO, LA GERMANA LINGVO KAJ ... RUBO, RUBO, RUBO**

Nia antaŭlasta etapo estis la urbo *Tetovë* en nordokcidenta Makedonio, kie komence ni sentis nin perditaj, ĉar laŭdire ne estis aĉetebla - ĉar ne ekzistis - tiu paperaĵo nepre bezonata de fremduloj: urbomapo. Feliĉe, la onidiro montriĝis maltrafa, kaj ni ricevis du (!) ekzemplerojn donace. Tuj nin surprizis la granda nombro da moskeoj kaj la beleco precipe de ilia interno. En la unua, kiun ni vizitis post preĝado far ne multaj viroj kaj pri kies multkoloreco ni miradis, helpanto de la imamo rakontis multon pri la moskeo kaj sugestis ke *Uwe* surmetu imaman ĉapon: Kia aspekto eĉ fote dokumentita! Elstaras la *Kadi-Çeshme-moskeo* komplete rekonstruita sur la loko de malnova muzulmana preĝejo. La lukse ekipita domo, en kies ekstero okulfrapas la superrega blua koloro, estis inaŭgurita kelkajn tagojn antaŭ nia alveno.

La religia instruisto *(hoxha)* volonte respondis niajn demandojn. La ampleksan renovigon de tiu ĉi moskeo same kiel la modernigon de la granda lernejo "*Naim Frashëri*" kaj la restaŭron de la lernejo en *Bozovce* pagis la mecenato *Lazim Destani,* kiu devenas el tiu vilaĝo. Li fondis kaj estras la mondvaste agantan firmaon "*Ecolog*", kiu okupiĝas precipe pri servoj por armeanoj en Afganio (liverado de manĝaĵoj, lavado de vestaĵoj k.s.). Ni estis interkonatiĝintaj kun *L. Destani* kaj lia kuzo *Aqeradin Ilazi* antaŭ pli ol tridek jaroj, kiam la unua havis malgrandan vojaĝagentejon en *Stolberg* (apud Akeno) kaj la dua ŝoforadis aŭtobuson inter *Tetovë* kaj *Stolberg,* kie laboris multegaj makedoniaj albanoj. Ni ĝuis du tagmanĝojn en tipaj restoracioj invitite far la du parencoj.

Kun nia amiko *Rexhep Ibishi,* kiu jam dum pli ol tridek jaroj vivas en *Stolberg* (Germanio) kaj kiu akompanis nin de Sarajevo ĝis nia adiaŭo en *Tetovë,* ni ekskursis en la tre proksiman *Sharr*-montaron por finfine vidi la vilaĝon *Bozovce,* la naskiĝlokon de nia amiko. Alian vojaĝeton ni faris kune al Skopjo. Tie ni renkontis - forme de granda monumento - la fratojn Cirilo kaj Metodo el Tesaloniko, la "apostolojn de la slavoj" kaj kreintojn de la glagolico, per kiu ili skribis la religiajn tekstojn tradukitajn en sian slavan dialekton.

Vizitante en *Tetovë* la iaman kaj renovigotan derviŝan monaĥejon *Arabati Baba Teqe* nin alparolis eksmembro de la *UÇK* kaj nuna tiuloka sekurecoficisto kaj klarigis la aferojn pri derviŝejo (6).

En tiu ĉi tereno, kiel en multaj okazoj tra la urbo, niajn orelojn agrable frapis germanlingvaj sonoj




sonoj el la buŝoj de personoj supozantaj ke ni bezonas ian helpon kaj de kelneroj kaj vendistoj. Nu, el Makedonio, la "malriĉulejo" de la iama Jugoslavio, multegaj homoj serĉis laboron eksterlande, interalie en Germanio.

Unu fenomeno ŝokis nin en tiu makedonia urbo (kaj bedaŭrinde ankaŭ alialoke): la ne imagebla kvanto da rubo ĵetita kien ajn rande de multegaj stratoj ekster la veraj urbocentroj. Oni ne povas pensi ke la homoj forĵetas plastajn saketojn, malplenajn botelojn, pakumojn k. s. prefere **apud** ne plenajn rubokonteneretojn aŭ tien, kie ŝildoj eksplicite malpermesas tian malrespektadon de la naturo kaj de la kunhomoj!

Ni estis tre kontentaj nenion legi, nenion aŭdi pri interetnaj problemoj en Makedonio. Jes ja, estas konate ke, antaŭ aro da jaroj, ankaŭ en tiu ĉi ŝtato okazis fizikaj, armilaj interbataloj de albanoj kaj makedonoj, sed niaj surlokaj impresoj estas resumeblaj per la konstato ke albanoj kaj makedonoj sukcesis taŭge kompromisi tiel ke jen unu, jen alia albana partio partoprenas en la registaro. Konkrete tio signifas ke en la regiono loĝata de albanoj ilia lingvo estas kunoficiala lingvo kaj absolute normala instrulingvo de la elementa lernejo ĝis la universitato. Gratulon al ambaŭ flankoj!

## ALBANIO SURVOJAS AL EŬROPO

Bonŝancaj ni estis ke la UEA-delegito en Tirano, *Bardhyl Selimi,* oficis kiel nia ĉiĉerono kaj ĝenerala helpanto, precipe por tradukado, same kiel tion estis farinta nia longjara amiko *Senad Čolić* en Sarajevo, *Mostar* kaj *Srebrenica.*

Pri la situacio de la greka, makedona, montenegra-serba kaj aliaj etnaj minoritatoj en Albanio same kiel pri la situacio de la albanoj en la najbaraj landoj ni povis intervjui s-ron *Qiriako Qirko*, la direktoron de



La ĉefa heroo de la albana historio: *Gjergj Kastrioti* nomata*Skënderbeu* (1405-1468) ricevis sian kromnomon dum sia ostaĝeco ĉe la sultano de la Otomana Imperio, kontraŭ kiu li ribeladis de 1443 ĝis sia morto.

la sekcio pri minoritatoj kaj homaj rajtoj en la albania ministerio pri eksterlandaj aferoj.
La ĉefurbo tute nature prezentas abundon da interesaj lokoj, sed dum restado de kvin tagoj eblas konatigi al si nur etan parton. Ni estis scivolaj pri la vastega




"***Një qytëtar - një pëme***"
(unu urbano - unu arbo) -
ĉu tiel ĝermas ekologia konscio en Tirano?

centra placo, kies foton ni estis vidintaj en libroj. Kia seniluziiĝo! La tuta areo estis trafosata por eksiligi ĉian aŭtotrafikon de tie. Meze en la placo ne pretervideblas monumento de la rajdanta *Gjergj Kastrioti* nomata *Skënderbeu* sub la nigra-ruĝa flago.Tiu ĉi "Sinjoro Aleksandro" (*Skënderbeu*) estis tra pli ol 500 jaroj kaj certe pluestos la elstara identigilo por etno-konsciaj albanoj en kaj ekster la aktuala ŝtato Albanio. Li sukcesis unuigi almenaŭ plurajn albanajn princojn kaj de 1443 ĝis 1468 gvidis la rezistadon kontraŭ la otomana superpotenco fine venkonta.
En la Nacia Historia Muzeo en Tirano kaj en la Nacia Muzeo *Gj. K. S.* en *Krujë* (proksimume 30 km nordokcidente de la ĉefurbo) ni povintus ekhavi vastan superrigardon kaj enkondukon en la historion de Albanio kaj tiu regiono de Balkanio, se ... ekzistus eksplikoj ankaŭ en alia lingvo ol la albana. Tiu ekstreme bedaŭrinda manko estas unu el la multaj signoj montrantaj la longegan vojon trapasendan far Albanio antaŭ ol alveni en Eŭropo. La saman konkludon ni devis fari en nia multekosta hotelo, en kiu dum pluraj manĝoj ne eblis interkompreniĝi kun la kelneroj por diri ion pli substancan ol *Mirëmëngjes. Shumë faleminderit. S' ka gjë. Mirupafshim.* (Bonan matenon. Multan dankon. Ne dankinde. Ĝis revido.) kaj similajn ĝentilaĵetojn. Eventuale la albana poŝto pli rapide ol alilandaj adaptiĝis alia "moderna" interkomunikado kaj tute ne starigis poŝtkestojn aŭ jam forprenis ĉiujn. Nu, serĉu poŝtoficejon ...
La viziton al *Krujë*, la potencbazo de *Skënderbeu* kaj portempa "ĉefurbo" de kreiĝanta albana ŝtato, ni kombinis kun mallonga rigardo en la havenurbon *Durrës*. Tie la strando iom minace najbaras al la naftcisternoj. Ĉi tie ĉu iliroj, ĉu grekoj fondis urbon en 627 antaŭ nia erao kun la nomo *Epidamnos*, nomata jarcentojn poste far romianoj *Dyrrachium*, kaj mezepoke far venecianoj *Durazzo*. Por elfosi la ampleksajn restojn de amfiteatro meze en ĉi tiu urbo necesis malkonstrui aron da domoj, sed el turisma vidpunkto estas tre dubinde ĉu la rezulto valoris tiajn detruojn.
En Tirano ekstreme ĝenis nin la efektive minaca kaj malsaniga ŝoformaniero de la plejmulto de la aŭtomobilistoj, kaj ni ankoraŭ ne komprenas ke ni mem ne havis akcidenton kaj eĉ ne vidis pli ol unu malgravan. Same malbonfartigis nin ke en neniu restoracio malestis bruego el televidilo aŭ muziko el laŭtparoliloj ŝajne aŭskultata far neniu ĉeestanto.

## EPILOGE

Sub preskaŭ ĉiam brila suno ni travivis multajn interesajn renkontiĝojn, vidis plejofte belan naturon kaj aŭdis pri amaso da nekonataĵoj. Sed ni konkludis ke vojaĝo tra pli ol 5.500 km en aŭto dum 27 tagoj ja ne nepre rekomendeblas. Ĉiukaze ŝajnas al ni ege preferinde koncentri sin al unu lando (aŭ maksimume du), kiu(j)n dum tiom da tempo oni povas pli detale ekkoni.
Plej sincere ni dankas al ĉiuj homoj, kiuj iel ebligis al ni malkovri ĉion ĉi, kaj estas menciendaj ĉi-rilate niaj geamikoj kiuj prizorgis nian dudek-jaran katineton kaj nian domon.

Notoj:

(1) Nepras konscii pri la diferenco inter "Serba Respubliko" (ĉefurbo: *Banja Luka*), kiu estas regata far la serboj en Bosnio kaj Hercegovino, kaj la "Respubliko Serbio" (ĉefurbo: Beogrado), kiu estas suverena ŝtato.

(2) KFOR estas la mallongigo de "*Kosovo Forces*" (laŭvorte: Kosovo-fortoj), kiuj konsistas el armeaj unuoj de proksimume 10.000 soldatoj, sub komando de NATO, el pli ol 30 ŝtatoj kaj kiuj klopodas preventi armilajn incidentojn.

(3) Ne konfuziĝu pro la datoj: La 15-a de junio de la malnova, Julia kalendaro korespondas al la 28-a de junio laŭ la nova, Gregoria kalendaro.

(4) Kvankam en artikolo de *A. Favre*, ***Etnismo*** no 79, ni uzis la vorton -arumano-, ni ĉi-tie respektas la uzon de la aŭtoro, fakte ankaŭ tiun de la IKEL-glosaro. NdlR

(5) *UNMIK*: *United Nations Interim Administration Mission in Kosovo* (Provizora Administra Misio de Unuiĝuintaj Nacioj en Kosovo); *EULEX*: *European Union Rule of Law Mission in Kosovo* (Eŭrop-Unia Misio por Jurŝtatigo en Kosovo).

(6) Atentu ke en PIV la klarigo pri dervîŝo estas misa: Ekzistas diversaj dervîŝaj ordenoj, el kiuj unu estas tiu de la "dancantaj dervîŝoj". Ne ĉiuj dervîŝoj estas vagantoj, sed almenaŭ origine ili estis almozpetantoj. La termino "dervîŝo" devenas el la araba kaj signifas "malriĉulo"; persoj kaj turkoj peris ĝin al hindeŭropaj lingvoj.

**Pri la temo vidu ankaŭ numerojn de** ***Etnismo***: no 19, 1978: "**Ĉu Jugoslavio mistraktas speciale Albanojn?**", no 21, 1979: "**Arbreŝoj: Albanoj en Italujo**", no 27, 1981: "**Kosovo protestas**", no 43, 1988: "**Balkanaj Tagoj**", no 45, 1989: "**Ĉu milito en Kosovo?**" no 46, 1989: "**Milošević = Evren = Ceauşescu = Ĵivkov**", no 47, 1990: "**Ho ve Milošević, kian sorton havos … vi**?", no 51, 1992: "**Viktimoj kaj Murdistoj**", no 52, 1992: "**Kiu kontraŭos tiun murdon?**", no 53, 1993: "**Tia estas serba popolmurdado**", no 69, 2001: "**Bosnio kaj Hercegovino - la defia fenomeno**", "**Turbulenta Balkanio**", no 83, 2008: "**Minoritatoj en Albanio**".

# INTERVJUO KUN PROFESORO D-RO SAFET HALILOVIČ,

## MINISTRO PRI HOMAJ RAJTOJ KAJ RIFUĜINTOJ EN LA REGISTARO DE BOSNIO KAJ HERCEGOVINO

lundon, la 6-an de septembro 2010, en lia oficejo; tradukis *Senad Čolić*

***Etnismo***: Multan dankon, Sinjoro Ministro, pro la ebleco paroli kun vi por ĉerpi originajn, aŭtentikajn informojn pri la konkreta kazo de Bosnio kaj Hercegovino. - En nia revuo ***Etnismo***, informilo pri etnaj problemoj, ni plurfoje tra la pasintaj jardekoj raportis pri la tiutempa Jugoslavio kaj speciale pri Bosnio kaj Hercegovino. - Do, kiaj estas la aktualaj rilatoj inter la tri ĉefaj etnoj - la bosniakoj, la serboj kaj la kroatoj - en la kampoj de ĝenerala politiko, ekonomio kaj kulturo? Kiun rolon ludas nun, 15 jarojn post la lasta milito, ankoraŭ la masakro de *Srebrenica*, la detruo de la malnova ponto de *Mostar* kaj la nenombreblaj teruraĵoj efektivigitaj far anoj de la diversaj flankoj?

***Halilović***: La demandoj estas sufiĉe kompleksaj kaj malfacilas doni simpligitajn respondojn. Nature, ĉar temas pri plurnacia ŝtato, unuarigarde bezonus el tio sekvi ankaŭ logiko de konfliktoj, de ekskluziveco ktp. Sed ne estas tiel, ĝenerale. Bosnio-Hercegovino praktike dum mil jaroj ekzistas kiel multetna kaj multkonfesia socio. En mezepoko ĝi estis eĉ reĝlando, en kiu la superrega religio estis bogomilismo, do, nek ortodoksismo, nek katolikismo, nek islamo, kvankam ĉiuj ĉeestis poiome depende de koncerna periodo, sed superregis bogomiloj. Poste, ĉar la bogomilismo praktike estis la ŝtata religio, Bosnio estis, kiel diris la fama verkisto *Krleža*, insulo de libero en Eŭropo. Hugenotoj kaj aliaj herezuloj el Eŭropo, ekzemple, el Italio kaj Francio, alvenadis en Bosnion al t.n. instruejoj, kie ili libere povis konfesi sian mondkoncepton. Tia dimensio de kunestado estas praktike retenita ĝis nuntempo. Rigardu la panoramon de Sarajevo. En 500 metroj vi havas ortodoksan preĝejon, katolikan katedralon, moskeon kaj sinagogon. Kaj dum la lasta milito neniu el tiuj religiaj objektoj suferis en Sarajevo, krom grenadado deekstere, per kiu kelkiuj provis konkeri Sarajevon - diference de *Banja Luka*, kie dum unu tago en 1993



D-ro *Safet Halilović* sidas meze en la fundo, *Uwe Joachim Moritz* maldekstre, *Senad Čolić* dekstre.

estis detruitaj ĉiuj moskeoj kaj katolikaj preĝejoj.
Per tio ĉi mi volas emfazi ke ĉi tie ne ekzistas, kiel kelkaj asertas, dum-jarmila malamo inter la homoj. Ni scias ke nacio kiel sociologia kategorio ekestis en

la 19-a jarcento kaj sekve kreiĝis naciaj ŝtatoj. Sed provoj pri kreado de naciaj ŝtatoj en multnacia socio rezultigas perforton, kaj tio okazis en Bosnio kaj Hercegovino. Temas antaŭ ĉio pri la grandnaciisma reĝimo de *Slobodan Milošević* en Serbio, kompletigita de aliaj projektoj en Kroatio, tiel ke milito, en kiu preskaŭ 200.000 homoj estas mortigitaj nur ĉar ili apartenis al alia nacio, religio ktp., postlasis spurojn, nature. Same helpe de armeo el Jugoslavio (temis pri eksa Jugoslavia Popola Armeo),




Tiu ĉi memorŝtono staras en *Potočari*, kie, post la 11-a de julio 1995, la serba militistaro masakris pli ol 8.300 bosniajn muzulmanajn virojn kaj knabojn, kiujn la nederlandaj UN-soldatoj ne protektis.

la tuta orienta parto de Bosnio kaj Hercegovino, kie plimultis bosna loĝantaro, estas "etne purigita". Temas, ekzemple, pri la urboj *Zvornik*, *Srebrenica*, *Bratunac*, *Foča* kaj *Višegrad*, en kiuj vivis 60 ĝis 70% da bosnoj, hodiaŭ ili tie estas eĉ ne 10% de la tuta loĝantaro. Do, tio estis programo de "etna purigado" lanĉita el Serbio. Kulmino de ĉio estis *Srebrenica* kiel tipa genocido, en kiu dum unu tago estis mortigitaj 8.000 viroj de ĉiuj aĝoj, kion la Internacia Tribunalo en Hago pruvis kiel genocidon.
Simile okazis en norda Bosnio pri anoj de la kroata, katolika popolo, ankaŭ ĝi estis "etne purigita" fare de la samaj fortoj tie kie ĝi estis majoritata. Tiun terspacon oni nun nomas Serba Respubliko, kaj ĝi estas "etne purigita". Antaŭmilite tie vivis 44% da bosnoj kaj kroatoj, ĉirkaŭ 50% da serboj, estis ankaŭ iom da aliaj minoritatoj, sed ĉiuj aliaj inkluzive kroatojn kaj bosnojn reduktiĝis nun al malpli ol 10%. Rezulte de tio, la homoj post la milito ĉiam vivas pli unu apud la aliaj kaj ne, kiel antaŭe, unu kun la aliaj, miksitaj. Ĝis tiam estis multaj miksitaj geedziĝoj, kaj oni eĉ ne sciis kiu estas de kiu etna deveno. Nature, la politikaj elitoj gvidis tiujn projektojn, kaj tiuj, kiuj havas siajn daŭrigantojn en Bosnio kaj Hercegovino, manipulas pri tiu demando produktante tensiojn por ke la aferoj ne normaliĝu kaj ke Bosnio kaj Hercegovino ne fariĝu normala ŝtato demokrata, egalrajta por ĉiuj siaj civitanoj kaj popoloj. La plejmulto da ordinaraj homoj deziras labori, produkti kaj vivi el sia laboro.

***Etnismo***: Sed se estas tiel kiel vi substrekis, ekzistas fortoj kiuj interesiĝas pri la daŭra konflikto. Kiel vi imagas solvon, ne por morgaŭ, ne por postmorgaŭ, sed por la estonteco? Ĉu la diversaj etnaj grupoj, la ĉefaj etnaj grupoj povos interpaciĝi post - ni diru - unu generacio?

***Halilović***: Do, absolute jes, mi eĉ pensas pri plej proksima estonteco, kaj tiamaniere ke oni enkonduku internaciajn normojn rilate la ordigadon de politikaj, ekonomiaj kaj de ĉiuj aliaj rilatoj en la socio. Tial la plej multaj loĝantoj arde deziras ke Bosnio aliĝu al NATO kiel ombrelo, sub kiu ne plu eblos militaj konfliktoj; ĝi deziras ke oni eniru la Eŭropan Union por ke la homoj sin dediĉu al laboro, enposteniĝo, edukado k.s.

***Etnismo***: Mi pensas ke aliĝo de Bosnio al NATO kaj EU necesas. Ankaŭ en kelkaj ŝtatoj de la Eŭropa Unio ekzistas konfliktoj, kvankam ne tiel akraj kiel en Bosnio-Hercegovino, sed ili ja ekzistas, se oni pensas pri Hispanio kaj la eŭskoj. Tie oni bezonis kaj ankoraŭ bezonos longan tempon por solvi la problemojn, ne en la senco de forviŝo de la diferencoj, sed en la senco de kunvivado de la diferencoj.

***Halilović***: Jes, mi konsentas kun tia pritakso, sed mi povas diri al vi ke pasintece Bosnio, kiam ĝi vivis en pli larĝaj asociiĝoj, ĉiam ĝi estis konstruktiva faktoro, neniam ĝi povis influi pli larĝan malstabiliĝon. Ekzemple, dum la Otomana Imperio ĝi estis multetna lando, kie la homoj vivis kune, kie, ekzemple, katolikaj verkistoj, pastroj, franciskanoj lanĉis la unuan gazeton en Bosnio, "Bosnia Amiko", kaj ili la lingvon nomis bosna ktp. Ankaŭ sub Aŭstrio-Hungario ĝi estis konstituiga faktoro, dum la periodo de la reĝlando kaj precipe en la socialisma Jugoslavio, ĝi estis la plej konstruktiva elemento. Ĉiam estis tiel, ĝis la disfalo de Jugoslavio ĝi neniam faris problemojn, kaj Jugoslavio neniam kolapsintus pro Bosnio. Temas ĉi tie pri malgranda loĝantaro de 4 - 4,5 milionoj da homoj, kiu neniam faris internajn problemojn kaj kiu konstrueme helpadis funkciadon de pli larĝaj asociiĝoj.
Hodiaŭ ni praktike havas, pro "etna purigado", 1.300.000 da homoj ekster Bosnio kaj Hercegovino. 850.000 el niaj civitanoj vivas en landoj de la Eŭropa Unio, ekzemple, 170.000 en Germanio, 122.000 en Aŭstrio, 75.000 en Svedio, 25.000 en Nederlando, 21.000 en Danlando; en Svislando estas 55.000 bos-

nianoj kaj en Aŭstralio 50.000, en Usono 350.000.
Ĉiuj ĉi niaj civitanoj en la diasporo ne kaŭzas problemojn tie kie ili vivas kaj integriĝis. Laŭ edukiteco, ili situas eĉ alte: 28% el ili estas universitate edukitaj; en Bosnio kaj Hercegovino estas nur 7 - 8% da tiaj. En Usono, la 350.000 koncernataj personoj estas mezume 30-jaraj, tiuj en la Eŭropa Unio 41-jaraj. Do, ili estas konstruktiva faktoro kaj helpas ankaŭ la patrolandon, ĉar ĉiujare ili asignas al sia parencaro en Bosnio-Hercegovino inter 2 kaj 2,5 miliardojn da dolaroj, kaj parte dank' al tio, ni solvas socialajn kaj aliajn problemojn.

***Etnismo***: Mi pensas ke mi bone komprenas la faktoron Bosnio en eksa Jugoslavio kaj en antaŭaj tempoj. Sed mi vidas du aspektojn kiuj malfaciligas la kunvivadon: La unua estas ne la plej grava, sed la ekzemplo de Svislando montras ke tie la germanparolantoj ne estas tre ŝatataj ĉie, ekzemple, en Tiĉino oni ne tre favore rigardas ilin. La dua aspekto ŝajnas al mi esti la plej grava, nome en Svislando, en Hispanio, ktp. ne estas iu elemento, iu faktoro tiel ekstrema, ekstremisma, laŭ mia rigardo, kiel la serboj en Bosnio. Kiel konvinki la serbojn en Bosnio-Hercegovino ke ili pli favoru la memstarecon kaj la integrecon de tiu ĉi ŝtato? Mi havas la impreson de tio kion mi aŭdas kaj legetas ke principe estas tiu serba parto aŭ parto de tiuj serboj kiuj estas obstaklo por la paciĝo kaj la posta paca kunvivado.

***Halilović***: La solvo estas en eŭropaj, civilizaj normoj. Ne povas esti duoblaj normoj. Ekzistas modelo de t. n. Vestminstera demokratio kie sufiĉas 50% + 1 por ke la afero estu solvita. Tio validas por relative homogenaj socioj. Eĉ Britio ne estas plene homogena, ĉar tie ni havas skotojn, kimrojn, irlandanojn ktp.
Alia modelo estas la kunsociada aŭ kunkonkorda demokratio kiel en Svislando, 65% de la loĝantaro estas germandevenaj, 18% francdevenaj, 12% italdevenaj (1), 2% estas aŭtoĥtonaj romanĉoj. Ne estas majoritatiĝo, t. e. ke, ekzemple, la 65% da germandevenaj enloĝantoj povus decidi ĉion, se oni aplikus la Vestministeran modelon. Sed la kunsociada modelo subkomprenas kvar principojn: unue, grandajn koaliciojn, kio signifas ke anoj de ĉiu kolektivo devas partopreni en la aŭtoritato kaj la buĝeto; due, ilia partopreno estas proporcia, ne povas 2% da romanĉoj kaj 65% da germanoj egale partopreni; trie, relativa aŭtonomio por ĉiu kolektivo kun rajtoj pri propraj lingvo, kulturo ktp.; la kvara principo estas la rajto pri vetoo, sed en laŭkonstitucie regulitaj kazoj. Se tian modelon en Bosnio kaj Hercegovino oni firme realigus, neniaj problemoj tie plu estus.
Do, oni devas apliki ian civilizacian solvon kiu funkcias en la mondo kaj ne “bantustanan”. (2) Ni havas hodiaŭ en Bosnio kaj Hercegovino la situacion de du entoj, el kiuj unu estas hipercentrigita - la Serba Respubliko - kaj la alia hipermalcentrigita - la Federacio, en kiu estas 10 kantonoj, ĉiu kun sia konstitucio, registaro ktp. Tio komplikigas la situacion; plus sur ŝtata nivelo ni havas t. n. entan voĉdonadon, kie unu kvarono de la deputitoj el la Serba Respubliko povas haltigi kiun ajn leĝprojekton. Dum la pasintaj du jaroj estis tiel haltigitaj 84 leĝprojektoj.
Tial la integriĝo de Bosnio kaj Hercegovino subkomprenas normojn pri tio kion la ŝtato devas havi kiel siajn ageblecojn por internaciaj devigoj, ekde internaciaj konvencioj ĝis aliaj gravaj aferoj, ĉar


*Baščaršija* estas la kerno (fondita en la 15-a jarcento) de la malnova komercista kaj metiista urbo poste nomata Sarajevo; la puto antaŭ la arbo estas unu el la simboloj de la urbego.

tiel la plej multaj problemoj estus solvitaj kaj la solvado ne estus blokita.

***Etnismo***: Kiel mi menciis, la ĉefa, centra demando por mi estas kiel konvinki la serbojn de Bosnio-Hercegovino pri tiu neceso de akcepto de eŭropaj normoj. Kion la serboj timas?

***Halilović***: Ili tute nenion timas! Temas tie pri la grandnaciisma projekto lanĉita antaŭ 150 jaroj de *Ilijaž*, t. n. *Načertanije* (skizaĵo), kies celo estas krei grandajn ununaciajn teritoriojn. Tio estas reakcia teorio el la 19-a jarcento, kiun *Dobrica Ćosić* kaj aliaj serbaj naciistoj rekonfirmis fine disrompante Jugoslavion.
Kaj la timo estus artefarita. Ĝi estus nur alibio por kelkaj aferoj. Samtempe dum ili parolis pri endanĝerigiteco de sia popolo, *Karadžić,* kiu tiam estis ĉefrunte de SDS (Serba Demokrata Partio), parolis en la parlamento ke alia popolo - la bosna - ne povas sin defendi, ke ĝi malaperos. Ĉu tio estas timo? Kiel timi la senpovulon, kiu eĉ ne kontrolas landlimon por importi armilojn por defendi sin laŭ la ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj, ĉapitro 7?
Kompreneble dum faŝismo de 1941 ĝis 1945, la serba popolo en Bosnio kaj Hercegovino estis viktimo de faŝistaj fortoj, kaj oni misuzis tion kiel alibion en tute aliaj cirkonstancoj. Neniu povas nei la krimojn faritajn en la koncentrejo de *Jasenovac* kontraŭ ĉiuj progresemaj, maldekstraj fortoj kaj antifaŝistoj.


Jen unu el la tombarejoj kreitaj dum la milito meze en Sarajevo pro spacomanko en la ordinaraj tombejoj.

***Etnismo***: Mi ne scias, S-ro Ministro, kiom da tempo vi ankoraŭ disponas por nia inter-parolado. Pro tio mi saltas al alia demando. Laŭ la konstato de la Eŭropa Tribunalo pri Homaj Rajtoj en decembro 2009, la konstitucio de Bosnio kaj Hercegovino ne harmonias kun la Internacia Konvencio pri Homaj Rajtoj. Ĉu Bosnio kaj Hercegovino intertempe ŝanĝis aŭ eble baldaŭ ŝanĝos sian konstitucion tiurilate?

***Halilović:*** Kompreneble la verdikto estas ĝusta. Bedaŭrinde la Dajtona kontrakto, la dokumento adoptita fine de la milito en 1995, lasis multajn aferojn ne solvitaj. La ĉapitro IV de tiu kontrakto enhavas la konstitucion de nia lando, kio en si mem estas sensencaĵo, pro kio ĝi neniam estis ratifita enlande. Ĝi havas plurajn mankojn. Ĝi permesas blokadon, kaj tial estis enkondukita la institucio de Alta Reprezentanto nome de la internacia komunumo por forigi blokadojn kaj tiel ebligi ke la ŝtato eliru de la milito kaj povu ĝenerale funkcii.
La Altaj Reprezentantoj ekde 1996 ĝis nun alprenis pli ol 80 decidojn, kiuj praktike signifas malblokadon de funkciado de ŝtataj institucioj, altrudis dekojn da leĝoj, ŝanĝis multajn funkciulojn kiuj agis kontraŭdajtone, eĉ prezidantojn de la Serba Respubliko *Nikola Poplašen* kaj *Mirko Šarović*.
Kompreneble, ke elemento de diskriminacio estas minoritatoj, al kiuj ne estis donita ŝanco kandidatiĝi por ŝtata prezidanteco. Temas pri absurda regulo en la konstitucio. Tie oni diras ke, ekzemple, kroato aŭ bosno el la Serba Respubliko ne povas esti elektita prezidanto de tiu respubliko. Tio estas diskriminacio. Estas konata la kazo de d-ro *Pilav* kiu volis kandidatiĝi, sed la balota komisiono ne permesis la kanditatiĝon. Tia estas la situacio de la minoritatoj. Ankaŭ al s-roj *Finci* kaj *Sejdić* oni ne permesis kandidatiĝi. Tio estas diskriminacio, kiun oni devas superi por fine solvi tiun ĉi problemon.
Estis jam propono havi nur unu personon en la funkcio de ŝtatprezidanto aŭ enkonduki kvaran anon de la prezidantaro kaj ke tiu kvara reprezentu la naciajn minoritatojn. Tial oficialaj proponoj leviĝis en la parlamento, sed deputitoj el la Serba Respubliko tion ne subtenis. Ĉio ja okazas dum la antaŭbalota kampanjo, kaj ŝajnus ke oni cedus al iuj partioj en la Federacio. Eble tio estas kaŭzo de rifuzemo, sed mi opinias ke tiun problemon oni solvos dank' al helpo de la internaciaj institucioj. En la loĝantaro, laŭ mia opinio, 99% ne malkonsentas pri tio.

***Etnismo***: Se vi permesas ankoraŭ unu plian demandon pri tiu temo: Ĉu la diskriminaciado, pri kiu vi parolis, okazas nur en la tiel nomata Serba Respubliko aŭ ĉu ĝi ekzistas ankaŭ en la Bosniaka-Kroata Federacio?

***Halilović***: Diversaj formoj de diskriminacio ekzistas sur la tuta teritorio de Bosnio kaj Hercegovino, ie pli subtilaj, ie malpli. Ekzemple, en la konstitucioj de

ambaŭ entoj estas skribite ke ili estas multetnaj. Ofte oni tion ne respektas, se temas pri la publika sektoro (administracio, enpostenigado, edukado), en entreprenoj, ankaŭ en la Federacio. Kio plej gravas estas ke minoritatanoj malfacile atingas laborlokojn. Sed en la Serba Respubliko estas drasta situacio. Kvankam en ties konstitucio estas skribite ke ĉiuj tri popoloj estas konstituciaj, do, egalrajtaj, ili estas eĉ ne proksimume tiaj. Ne ekzistas ebleco por enposteniĝo, eĉ pli draste, ĉar partopreno en la aŭtoritato devus okazi laŭ la censo de 1991. La afero eĉ pli malboniĝas. Antaŭ la milito, 44% de la civitanoj sur la nuna teritorio nomata Serba Respubliko estis anoj de la kroata kaj bosna nacioj, kaj nun ili estas nur 10%.

*Banja Luka*, kiel ĉefurbo de la ento Serba Respubliko, en la urba parlamento havas neniun bosnon (dum en 1997 estis naŭ) kaj nur unu kroaton. En la najbara *Bosanska Gradiška* en 1997 estis 14 bosnaj respektive kroataj deputitoj en la municipa parlamento, dum nun estas nur du. Tiel estas tra la tuta Serba Respubliko. Tamen korektilaj meĥanismoj funkcias, ekzemple, en Sarajevo: En la urba parlamento 20% de la deputitoj devas esti serboj plus 20% kroatoj, kion garantias la urba konstitucio. Tiel devus esti en *Banja Luka* kaj en aliaj grandaj urboj en la tuta Bosnio.

***Etnismo***: Mi timas trouzi vian tempon, sed mi havas ankoraŭ amason da demandoj.

***Halilović***: Vi povas ankoraŭ kelkajn minutojn daŭrigi.

***Etnismo***: Bone, tio estas tre agrabla, multan dankon. Ankaŭ tute alian aspekton mi ŝatus iom tuŝi, nome la ekonomian. Ĉu inter la du entoj ekzistas gravaj ekonomiaj diferencoj rilate produktivecon, salajrojn, senlaborecon? Ĉu oni povas diri ke la Serba Respubliko multe pli bonfartas, multe pli produktas ktp. aŭ inverse ke ĝi multe malpli produktas?

***Halilović***: Esence, laŭ mi, ne estas diferenco, kvankam vere ja estas en kelkaj detaloj. La Serba Respubliko estas hipercentrigita kaj povas rapide alpreni decidojn, eĉ dum unu tago, precipe ĉar unu partio estas majoritata (*Savez Nezavisnih Social Demokrata* - Sendependa Social-Demokrata Unio). La Federacio estas malcentrigita, kaj, ĝi havas dek kantonojn tiel ke ĝia decidado estas malpli rapida kaj malpli facila, necesas pli da akordiĝo inter la bosnaj kaj la kroataj reprezentantoj.

Ĝis antaŭ du jaroj, la Federacio ekonomie nete antaŭis, tiam ĝi havis ankaŭ pli grandan internacian helpon. Lastatempe la Serba Respubliko egaliĝis, ĉar ĝi vendis esencajn resursojn, ekzemple, *Telekom* kaj la naftan industrion. Tiel la situacio por la civitanoj konsiderinde egaliĝis. Ĉar ankaŭ la gazetaro en la Serba Respubliko estas sub kontrolo de la aŭtoritato, oni povas produkti alian bildon. En la Federacio ne estas tiel, ĝi estas plurisma, kaj oni produktas iom malĝustan bildon. Ni havas multajn endanĝerigitajn kategoriojn de la loĝantaro. La minimuma pensio en la Serba Respubliko estas nur 95 eŭroj, tio estas duono de la pensio en la Federacio. Ĉar en la Federacio la pensio pro invalideco estas la duoblo de tiu en la Serba Respubliko, la plej multaj invalidoj



Profesoro *Halilović* kaj *Uwe Joachim Moritz* post la intervjuo.

registriĝas en la Federacio: 270.000 kompare al 20.000 en la Serba Respubliko.

Mi ŝatus emfazi ke tiu ĉi ministerio okupiĝas ne nur pri homaj rajtoj, sed ankaŭ pri revenigo de homoj post militaj eventoj. Bosnio kaj Hercegovino ĝisvivis veran demografian kataklismon dum la milito. El 4,5 milionoj da enloĝantoj 2,2 milionoj estis delokitaj de siaj domoj. Duono el ili estas en eksterlando, dum alia duono dislokiĝis enlande. Post la milito multaj revenis al siaj domoj, sed multaj ankoraŭ ne. Ĉe nia ministerio estas registritaj pli ol 47.000 familioj aŭ 150.000 personoj, kiuj deziras reveni al siaj antaŭmilitaj domoj nun detruitaj. Laŭ la Dajtona kontrakto, anekso 7, ni devas al ĉiuj tiuj homoj certigi la rajton pri domo kaj pri reveno. Por atingi tiun celon, ni bezonas 500 milionojn da eŭroj por ke la reveno estu stabila, do, por ke la revenintoj havu domon, trovu infrastrukturon, povu eduki siajn infanojn, havu eblecon labori kaj vivi per la laboro.

Post du jaroj de fortega batalado en la parlamento, ni sukcesis en junio ĉi-jara adopti t. n. reviziitan strategion pri realigo de la anekso 7, kiu antaŭvidas ankaŭ kreditan ŝuldon de ĉirkaŭ 250 milionoj da eŭroj por tiu celo plus ankaŭ tiom da buĝetaj monrimedoj por komplete solvi tiun problemon antaŭ 2015. La reveno de rifuĝintoj signifos reintegriĝon de la ŝtato Bosnio kaj Hercegovino samkiel de la socio kaj multetna komunumo. Nature eĉ tio vekas rezistojn en la Serba Respubliko, kie oni preferas nerevenadon. Tamen la civitanoj deziras reveni al siaj domoj senkonsidere de politikaj sugestoj.

***Etnismo***: Mi pensas ke ni povus daŭrigi ankoraŭ dum du, tri horoj, sed mi ŝatus fine fari al vi iom utopian demandon: Kiam la militkrimulo *Mladić* estos arestita kaj juĝita? Mi konscias ke tio ne estas tasko de Bosnio-Hercegovino, sed de Serbio.

***Halilović***: Kompreneble, mi havas respondon al tiu demando. *Mladić* estas kiel monbileto. Lia transdoniĝo nuligus la iluzian politikon de Serbio; miaopinie li estas konscie protektata por ne esti transdonita al la Haga tribunalo. Lia juĝiĝo malkovrus malpuran konsciencon ankaŭ de iuj internaciaj faktoroj, kiuj estis enplektitaj dum la milito. Nature, la grandpotencoj povas solvi la aferon, se ili tion deziras.

***Etnismo***: Sinjoro Ministro, mi tre kore dankas vin pro tio ke vi prenis vian tempon kaj ke vi donis al ni amason da informeroj, kaj mi esperas ke almenaŭ mi havos pli konkretan, pli precizan bildon de Bosnio kaj Hercegovino, de la problemoj, kaj mi esperas ke mi sukcesos tion transdoni pere de artikoloj en la gazetaro, unue en nia malgranda revuo ***Etnismo***, de kiu vi ricevos aŭ jam havas ekzempleron.

Mi deziras al vi persone kaj al Bosnio-Hercegovino forton por solvi la problemojn kiuj ankoraŭ dum certa tempo ekzistos kaj estas tre komplikaj.

***Halilović***: Ankaŭ mi esperas tion, ĉar Bosnio eltenis la plej malfacilajn momentojn, la preskaŭ kvarjaran sieĝadon kontraŭ potencega milita maŝinaro kun kanonoj kaj tankoj, ĝi travivis genocidon kaj ne malaperis. Bedaŭrinde ĝi estis lasita sola; la internacia komunumo permesis sangoverŝadon kaj malpermesis ĝian armadon, sed la popolo ĉion eltenis, kaj ne plu ekzistas ia forto kiu ĝin povus detrui. Se tion ne sukcesis eĉ tia militpotenco, ankaŭ aliaj demagogiaj manipulantoj ne povas ĝin neniigi ĉar ĝi vere portas en si ion miljaran, multetnan, mozaikan, iuspecan sanktecon de Jerusalemo.
Estis honoro por mi interparoli kun vi, ĉar mi vere estimas la Esperanto-movadon kaj ĉiujn homojn kun humanismaj orientiĝo kaj agadoj. Temas pri la Movado, pri unu rigardo al la mondo, respektinda pro la universalaj valoroj kiujn ĝi progresigas.

Notoj:
(1) Ni rimarku, ke la francparolaj svisoj (romandoj), same kiel la "german"-parolaj svisoj, ne originas el Francio kaj Germanio kaj neniam (aŭ ege mallonge en iuj apartaj kazoj en Romandio, pro kelkajara okupado fare de Francio) apartenis al tiuj du ŝtatoj. Kiel sciate la unuaj parolis arpitane/francprovence kaj poste estis franclingvigitaj. Kaj la duaj, kiujn ni preferas nomi -alemanoj-n, parolas alemanajn dialektojn kaj skribas en la oficiala germana lingvo. La italparolaj svisoj venas el Longobardio kaj estis svisigitaj antaŭ la ekzisto de Italio. NdlR
(2) "Bantustano" aludas la iamajn ŝajnŝtatetojn interne de la Respubliko Sudafriko, de kiu ili plene dependis politike kaj ekonomie. Ili malaperis per la demokratiigo de la Respubliko laŭ la provizora konstitucio de 1994. Pli ol tri kvaronoj de la pli ol 45 milionoj da enloĝantoj estas anoj de unu el la multaj tiuŝtataj bantu-etnoj.

# ETNAJ MINORITATOJ EN ALBANIO KAJ ALBANOJ ĈIRKAŬE

## INTERVJUO KUN ALTRANGA OFICISTO EN TIRANO

La 20-an de septembro 2010 delegacieto de IKEL (*) intervjuis la direktoron de la sekcio pri minoritatoj kaj homaj rajtoj en la albania ministerio pri eksterlandaj aferoj,

**s-ron *Qirjako QIRKO*.**

S-ro *Bardhyl SELIMI* tradukis ambaŭdirekten la interparoladon.

***Etnismo***: Nia intereso estas ekscii ion pri la minoritatoj en Albanio kaj pri la albanoj eksterlande. Dum la pasintaj jardekoj ni raportis en nia revueto ***Etnismo*** ĉiam denove pri la - ni diru - "albana problemo" ne en la senco de "Albanio", sed de la albanparolantoj en eksterlando. Okaze de kongreso en *Brighton* (1989), la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj akceptis rezolucion pri la albanoj en Kosovo. - Nia unua demando estas jena: Kiuj estas la etnaj minoritatoj en Albanio?

***Qirko***: Mi dankas ke mi povas paroli pri tiu ĉi temo. Unue, mi devas konfesi ke Albanio sentas sin fiera pri tiu afero. La afero de minoritatoj havas historion, ĝi ne estas moderna fenomeno. Estas koncernataj diversaj grupoj el pluraj popoloj kiuj alvenis en nian teritorion je malsamaj tempoj, kun diversaj celoj, por serĉi laboron ktp. En tiaj kondiĉoj, en Albanio aktuale ekzistas du kategorioj de minoritatoj: La unua grupo apartenas al la tiel nomataj naciaj minoritatoj, kaj la dua grupo apartenas al la etnaj minoritatoj.

Estas konsiderataj kiel naciaj minoritatoj la grekoj, la makedonoj kaj la serb-montenegranoj, dum kiel etnaj minoritatoj estas konsiderataj la valaĥoj (aromunoj) (1) kaj la romaoj. Ambaŭ grupoj ĝuas tute egalajn rajtojn konforme al internaciaj dokumentoj. Albanio jam aliĝis al internacia konvencio, de la jaro 1999, por protekti la minoritatojn. La registaro estas raportinta ĝis nun dufoje kaj raportos ĉi-jare trian fojon pri la evoluo de tiu afero. La konsila komitato, kiu sekvas la evoluon de tiu problemo, konsideris la konduton de la albana registaro sufiĉe bona.

***Etnismo***: Kion mi ŝatus scii estas iuj detalaj aspektoj de la rajtoj de la minoritatoj, ekzemple, ĉu la diversaj minoritatoj havas kulturan aŭtonomion.

***Qirko***: Ili certe ĝuas ĉiujn rajtojn - kulturajn, ekonomiajn kaj politikajn. La albana ŝtato, malgraŭ magraj rimedoj financaj ktp., estas fiksinta apartan buĝeton por subteni kulturan evoluon de tiuj minoritatoj. Ĉe nia ministerio funkcias departemento pri minoritataj kulturoj. Tiu departemento celas rezervi parton de la ministeria buĝeto por kulturaj aktivecoj de tiuj minoritatoj, ekzemple, por aranĝo de folkloraj festivaloj, por eldonaĵoj en minoritataj lingvoj kaj por pritrakti tion kio koncernas la kulturon en la pasinto de tiuj minoritatoj. Rilate la politikajn rajtojn, ili rajtas engaĝiĝi en politikaj asocioj krom specialaj organizoj kiuj reprezentas la interesojn de la minoritatoj. La greka minoritato posedas tri asociojn (inter ili "*Omonia*" ["Unueco"]), la makedona minoritato havas du asociojn, la serb-montenegra havas unu asocion, la valaĥoj havas tri asociojn, el kiuj unu inklinas al Rumanio, alia al Grekio, dum la tria estas sendependa, kio estas interna afero ilia. Krom en tiuj asocioj, ili rajtas engaĝiĝi en aliaj asocioj. Ekzistas politika partio, kiu nomiĝas Partio por la Homaj Rajtoj, kiu estas en la parlamento ekde la komenco [1990/91].

***Etnismo***: Vi ĵus menciis ke tiu partio havas parlamentanojn jam dum du-dek jaroj. Sed ĉu, ekzemple, la greka minoritato aŭ la makedona - mi imagas ke ili estas la plej grandaj minoritatoj - ankaŭ estas reprezentataj en la parlamento?

***Qirko***: Permesu al mi ekspliki ke la minoritatoj en Albanio konsistigas malpli ol 3% de la loĝantaro. Nia parlamenta sistemo ne favoras reprezentiĝon, ĉar ne estas difinita aparta kvoto nur por minoritatoj por ekhavi seĝon en la parlamento kiel en Kosovo (2). Ĉar la procentaĵoj de la minoritatoj en Albanio estas sufiĉe malgrandaj. Ni ne povas lasi dek lokojn en la parlamento por parto de la loĝantaro. Alie ni povus kaŭzi malekvilibron inter la stato reala kaj la imagita.

***Etnismo***: Mi demandis pri la reprezentado ankaŭ de malgrandaj proporcioj de la enloĝantaro, ĉar mi pensas pri ekzemplo el Germanio. En Ŝlesvigio-Holstinio ekzistas dana minoritato, kiu havas la rajton, kontraŭe al la ĝeneralaj reguloj, pri minimume unu reprezentanto en la regiona parlamento, se la partio de tiu minoritato atingas tiom da voĉoj, kiom ankaŭ la aliaj partioj bezonas por unu seĝo (3).



*Qirjako Qirko,* sekciestro pri minoritatoj kaj homaj rajtoj, en la albania ministerio pri eksterlandaj aferoj, estis intervjuata far la IKEL-delegacianoj fine de septembro 2010.

***Qirko***: Ankaŭ en Albanio, la partio kiu reprezentas la homrajtojn de minoritato ĉeestas en la parlamento komencante en 1999 kaj eĉ dum la lastaj dek jaroj estas membro de la registaro, ĉu dekstra, ĉu maldekstra, kovrante ĉefe la kampojn de medicino kaj socia bonfarto.

***Etnismo***: Sed tio rilatas nur al homaj rajtoj kaj ne eksplicite al minoritatoj.

***Qirko***: Jes ja, tio estas eksplicite ligita al la greka minoritato. En tiu partio rajtas aliĝi ankaŭ albanetnanoj. En ĝia statuto, la ĉefa celo estas respekto de la homrajtoj de ĉiuj minoritatoj. Kompreneble, ĉar la plej granda procentaĵo de minoritatoj apartenas al la grekoj, sekve ankaŭ ĉeestas iuj minoritatanoj en partioj, en la parlamento kaj, pli notinde, en la registaro.

***Etnismo***: Kia estas la situacio pri la instruado en tiuj lingvoj, ne pri ili, kvankam ankaŭ tio estas interesa, sed ĉefe en la lingvoj mem, en la greka, en la makedona ktp.?

***Qirko***: Unu el la ĉefaj engaĝiĝoj de la albana registaro enkadre de la eŭropa konvencio por protekti la homrajtojn de minoritatoj estas unuavice konserviĝo, instruado de kaj en iliaj lingvoj. La instruado estas ne tiel multekosta, sed la ŝtato entreprenas konkretan subvenciadon: La eldonado de lernolibroj de la unua klaso ĝis la dek-dua kostas 20-ĝis 25-oble pli multe ol por albanlingvuloj. Oni konsciu pri tio ke la eldonkvanto estas malgranda. Mi devas diri ke por ĉiu minoritato, escepte de la romaoi, la instruado ekzercatas en ilia etna lingvo.

***Etnismo***: Kaj por la romaoj?

***Qirko***: Ne, ankoraŭ en la albana. La kialo estas ke ĉe ni ankoraŭ ne ekzistas kapablaj instruistoj por lernigi la romaajn infanojn en ilia propra lingvo. Tio ne estas problemo nur por Albanio, sed ankaŭ por la ceteraj landoj, kiuj jam aliĝis al tiu interkonsento kiu nomiĝas Ĉarto de Romaoi.



La IKEL-delegacianoj, lingve helpataj far *Bardhyl Selimi* kiel tradukisto, transdonis al s-ro *Qirko* publikaĵojn de IKEL pri la temaro de etnaj minoritatoj.

***Etnismo/USM***: Ĉu ekzistas eble interkonsento inter Albanio unuflanke, kaj Makedonio, Grekio ktp. aliaflanke, kontribui finance al la instruado de la grekoj ktp. en Albanio, kaj inverse ke Albanio pagas por la instruado en la albana, ekzemple, en Grekio?

***Qirko***: Ne ekzistas ambaŭŝtata interkonsento, sed ekzistas jam bona volo. Kiel vi scias, Albanio estas relative malriĉa. Ĉe ni mankis multe da lernolibroj en la greka, ĉar ankaŭ tiu alfabeto estas tute alia. Jam estas interkonsento de la albana kaj greka ministerioj pri edukado, ke tiuj lernolibroj presiĝos kaj eldoniĝos en Grekio, kaj poste oni transportos ilin ĉi tien. La samo jam estas realigita kun Makedonio, kiu provizas nin per lernolibroj en la makedona lingvo, laŭ la albanaj ministeriaj programdecidoj. -Tio koncernas la devigan, ŝtatan instruadon, ne la privatan. Rilate la privatan instruadon, la greka registaro jam malfermis multajn privatajn lernejojn en Albanio, en kelkaj prestiĝaj urboj de regionoj pli multe loĝataj de grekaj minoritatanoj.

***Etnismo***: Nin interesas ankaŭ la pozicio de la minoritataj lingvoj en la superaj gradoj de la instruado. Ĉu, ekzemple, oni povas ion studi en universitato per la greka aŭ la makedona?

***Qirko***: En la urbo *Gjirokastër*, en la suda ekstremo, ekde 40 jaroj jam ekzistas ŝtata universitato nomata laŭ *Eqrem Çabei* (4), kie oni pretigas instruistojn por la grekaj lernejoj, kio aparte gravas por tiu forta greka minoritato, dume makedonoj apenaŭ estas dekmil kaj serb-montenegranoj estas dumil.

***Etnismo***: Kompreneble, problemo estas la nombro: Se estas multaj, tiam oni povas fari ion, se estas malmultaj, estas, kiel vi diris, multe tro koste eldoni librojn kaj fari la tutan instruadon. Tion oni bone komprenas, kvankam mi opinias ke por la minoritatoj oni devas malproporcie pli elspezi ol, ekzemple, por albanoj. En iu urbo aŭ vilaĝo la elspezoj por anoj de la greka aŭ alia minoritato estas pli altaj kaj devas esti pli altaj por efike protekti la minoritatanojn.

***Qirko***: Ĉu tio estas sugesto via aŭ demando?

***Etnismo***: Tio estas sugesto, unuflanke, kaj aliaflanke, tio estas demando: Ĉu ankaŭ via registaro pli, malpli samopinias?

***Qirko***: Estas nediskuteble ke minoritatoj subiĝas al tiel nomata pozitiva diskriminacio. Ekzemple, kiam stariĝas afero de dungiĝo en polico, en administrado, en la armeo, tiuj ĉi kaj aliaj publikaj institucioj havas apartajn regulojn, kiuj aranĝas la manieron de varbado kaj dungiĝo. Kiam naskiĝas bezono enoficigi en tiujn instituciojn ankaŭ membrojn de etnaj minoritatoj, eĉ se la kandidatoj ne plenumas la kondiĉon de certa nivelo de kvalifikonotoj, ili akceptiĝas, ĉar temas ĝuste pri membroj de minoritatoj. Do, ni aplikas tiun pozitivan diskriminacion.

***Etnismo***: Mi ŝatus scii ĉu la greka aŭ alia minoritata lingvo povas esti aŭ reale eĉ estas oficiale uzata en polico, armeo aŭ justico.

***Qirko***: En ĉiuj regionoj, en kiuj la minoritatanoj konsistigas pli ol 50% de la tuta loĝantaro, la koncernata lingvo estas uzata oficiale en administracio, en polico, en ĉiuj kampoj.

***Etnismo***: Ĉu mi ĝuste komprenis "pli ol 50 %"? Tio estas tre alta procentaĵo.

***Qirko***: Iutempe en Albanio ekzistis tiel nomataj minoritataj areoj. Ĉar ĝenerale la loĝantaro de Albanio estas etne homogena. La greka minoritato kutime loĝis kompakte en la sudo, en la regiono de *Sarandë* kaj *Gjirokastër*, makedonoj ĉirkaŭ la lago de *Prespa* kaj la serboj en la regiono de *Shkodër*. Ili estis, do, koncentritaj en certaj areoj apud la landlimoj kun la "patrinaj" ŝtatoj. Aktuale Albanio ne konas la koncepton de minoritataj areoj. Tio signifas ke ĉiu ano de minoritato ĝuas siajn rajtojn en kiu ajn loko de Albanio. Sed rilate vian demandon, estas pli facile por greko aŭ makedono paroli sian lingvon en la medio, kie plejmulto komprenas lian lingvon. Neniu malhelpas lin paroli greke en Tirano, sed ne komprenas lin albanlingvuloj.

***Etnismo***: Sed ĉu havas sencon ke greko aŭ makedono aŭ serbo en Tirano direktas sin al la urba administracio en sia propra lingvo?

***Qirko***: La oficiala lingvo, laŭ la konstitucio, estas la albana. kio devigas ĉiujn oficialulojn - ĉu albanlingvajn, ĉu minoritatanojn - koni la albanan lingvon. Albanio ankoraŭ ne ratifis la Eŭropan Ĉarton de la Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj pro la neelteneblaj kostoj. Tio postulus sufiĉe multe da mono, ĉar se greko norde de *Shkodër* volus, sialingve, sin turni al la justico, tiu ĉi devus disponigi al li interpretiston en ĉiuj instancoj de la proceso.

***Etnismo***: La saman problemon ni spertas en norda Germanio rilate nian minoritatan lingvon, la platdiĉan. La registaro de nia federaciana lando Malsupra Saksio diras: «Ni ne povas pagi instruistojn kaj ilian profesipreparadon pri tiu minoritata lingvo.» Mi bone komprenas ke Albanio en sia nuna evoluŝtupo ekonomia ne povas elspezi tiom da mono por minoritataj aferoj.

***Qirko***: Mi volas prezenti ekzemplon kiu montras kiom kostas la instruado en minoritataj lingvoj. La ŝtato ĉiujare planas sian buĝeton, kaj neniam oni planis redukton de la nombro de instruistoj en minoritataj lernejoj. Tiuj regionoj estas ĝenerale kamparanaj, kaj pro la fakto ke en Albanio plejparto de tiuj junaj fortoj estas elmigrintaj, ni estas devigitaj vivteni lernejon, kie estas tri instruistoj kaj du gelernantoj. Kio okazus alie? En malaj kondiĉoj tia lernejo ne plu ekzistus, kaj tiuj du gelernantoj devus iri en albanan lernejon de najbara vilaĝo. Sed se nia ŝtato agus tiel, ĝin trafus forta reago de Grekio. Oni deklarus ke la albana ŝtato fermis unu grekan lernejon. La socio tiam prave reagus proteste.

***Etnismo***: Tiu situacio al mi ankaŭ montras ke la albana registaro komprenis ke la estonteco de la ŝtato dependas de la junularo. - Nu, mi ne scias kiom da tempo ni ankoraŭ havas.

***Qirko***: Vi havas ĉiun bezonatan tempon.

***Etnismo***: Dankon. La dua temokampo estas eble iomete tikla. Kia estas la pozicio de la albana lingvo, de la albana etno en la najbaraj ŝtatoj aŭ, aliavorte, kiaj estas la rilatoj de Albanio kun Grekio, Montenegro kaj Serbio?



La albana flago flirtas super la parlamentejo.

***Qirko***: Albanio estas eble la sola lando en Eŭropo kiu limiĝas kun sametne loĝataj regionoj en ĉiuj najbaraj ŝtatoj: Nordokcidente estas la albanoj de Montenegro komencante en *Ulqin*, plue estas Kosovo, okcidente estas la regiono de *Dibër* kaj *Tetovë* en Makedonio, fine estas nordokcidenta Grekio, kie fakte vivas albanlingvuloj, kvankam Grekio ne agnoskas ilian ekziston. Oni ne povas tie malaperigi la albanojn.

***Etnismo***: Kio ŝajnas al mi la plej grava diskutpunkto estas ke Grekio ĝenerale ne agnoskas minoritatojn, kaj tio estas nekomprenebla afero. Do, kiaj estas la rilatoj inter Albanio kaj Grekio?

***Qirko***: Oni devas profundiĝi en tiujn interrilatojn, por kio oni bezonus apartan "sesion". Temas pri najbaroj, el kiuj unu lando - Grekio - estas malnova membro de la Eŭropa Unio, de NATO kaj de aliaj internaciaj organizaĵoj, kaj la alia - Albanio - dum dudek jaroj estas frapanta al la pordoj de Eŭropo. Ankaŭ en la

boksosporto oni decidis ke la du boksistoj havu egalan pezon por interlukti. Se unu peza boksisto interluktus kun unu malpeza, la unua havus avantaĝon. Mi kredas ke mi respondis al via demando.

*Qirko*: La nuntempa periodo ne estas periodo de baroj, sed inverse periodo de libera moviĝo, de malfermo de limoj. Tio estas procezo, kiu jam okazis en Eŭropo antaŭ jardekoj kaj kiu estas alproksimiĝanta al Balkanio. Mi servis dum kvin jaroj kiel ambasadoro de Albanio en Nederlando. Mi tiam ne sciis ke iam ekzistis malamikeco inter Nederlando kaj Germanio. Mi tute hazarde eksciis pri tio, ĉar dum renkontiĝo mia amiko demandis: «Kiel sonas al vi la nederlanda lingvo?» Mi troviĝis inter pliaĝuloj, el kiuj la plej juna estis pli ol 70-jara. Mi respondis ke ĝi sonas al mi kiel la germana. Mia amiko admonis kaj mantuŝis min dirante: «Ne eldiru tion al nederlandanoj, ili ne ŝatas la germanojn!» Tio estis granda surprizo por mi. Scivoleme mi demandis, de kiu urbo estis du el la du ĉeestantoj. Ili estis de Roterdamo, kaj dum la okupacio nazi-germana ambaŭ estis perdintaj samfamilianojn, unu siajn gepatrojn kaj la alia filon. En la unuaj jaroj post 1950, kiam komenciĝis libera moviĝo de turistoj ambaŭflanken, al petinto pri la vojo al Amsterdamo oni ĉiam montris en la kontraŭan direkton. Sed aktuale vi vojaĝas tute libere de ĉiu limpunkto al ĉiu alia. Mi aŭdis amikojn, kiuj loĝis en Belgio, ĉar tie estis pli favora imposta sistemo, kaj laboris en Nederlando, kie oni enspezis pli multe. Espereble limoj apartenas al la historio. Jen la afero: Albanio estas tiu teritorio, kie oni parolas albane kaj oni sekvas albanan tradician kulturon. Nin interesas ke en tiu teritorio niaj tradicioj - lingvo, kulturo, folkloro, historio - konserviĝu plej multe. La albana ŝtato havas la taskon, eĉ la devon helpi ke ĉio ĉi konserviĝu en Albanio same kiel en Kosovo, Makedonio kaj aliloke. Mi certas ke se vi demandus pri tiu afero kiun ajn ekstere, kiam vi eliras, ĉiuj donus la saman respondon. Ni estas feliĉaj ke en ĉiuj ĉi najbaraj landoj ekzistas demokratiaj registaroj kaj ke ĉiuj aspiras la samon: aliĝi al la Eŭropa Unio. Kaj ni esperas ke ni ĉiuj havu unu solan ĉefurbon: Bruselon.



Milojn da tiaj bunkroj konstruigis *Enver Hoxha* (1908 - 1985) por protekti Albanion kontraŭ invado de (reala aŭ imagita) malamiko (ĉu Jugoslavio, ĉu Grekio, ĉu ... ?).

*Etnismo*: Kompreneble, sed mi pensas ke estas aparte malfacile havi normalajn rilatojn kun najbaro kiu ne agnoskas certajn faktojn.

*Qirko*: Niaj interrilatoj estis kompleksaj. En la unuaj jaroj post 1990 pli ol duonmiliono da albanoj kontraŭleĝe elmigris en Grekion. Interesis la albana ŝtato ke la greka ŝtato ne perfortu tiun grandan amason, ĉar estis okazo por enlaborigi tiom da homoj. Nin interesis ke tiu granda amaso integriĝu en la grekan socion, ke tiuj homoj enspezu kaj profitu de la kulturo kaj de la leĝoj. Dume ni progresis, ni membriĝis en NATO. Espereble ene de oktobro ni aliĝos al la *Schengen*-sistemo (5), kaj espereble ene de kvin aŭ dek jaroj ni membriĝos en la Eŭropa Unio. ĉi ĉefaj paŝoj bezonas aprobon ankaŭ de la greka parlamento; pro tio ni estas en tikla pozicio.

*Etnismo*: Jes ja, mi bone povas imagi tion, ĉar, evidente, kiam temas pri Grekio kaj la najbaroj, mi tuj pensas pri Makedonio. Tiu ĉi ŝtato - pro la vetoo de Grekio - eĉ ne rajtas havi sian propran nomon, sed devas internacie nomiĝi "Iama Jugoslavia Respubliko Makedonio". Tio ŝajnas al mi absolute - pardonu la esprimon - freneza. - Io alia: Antaŭ dudek jaroj mi vidis mapon pri "Granda Albanio". Ĉu tiu ideo de "Granda Albanio", ne en la senco de kultura komunumo, sed de eventuale granda albana ŝtato, estas realisma?

*Etnismo*: Jes, principe mi samopinias, sed mi ankaŭ vidas ke necesas en kelkaj kazoj unue instali limojn por poste transpaŝi ilin. Ekzemplo estas Kosovo, kiu kiel parto de Serbio ne havis la samajn ŝancojn, precipe el la vidpunkto de konservado de la albana kulturo ktp. Nun Kosovo, ni diru, fermiĝis en certa senco kontraŭ Serbio kaj havas siajn eblecojn. Certe

ni, kiuj uzas la Internacian Lingvon Esperanto, ne estas por pli da limoj, ni favoras la transpaŝon de la limoj. Mi ofte komparas etnon aŭ nacion kun unuopa homo. Kiam la homo estas infano, tiu infano devas unue kreski kaj sendependiĝi, memstariĝi por poste povi kunlabori kun aliaj homoj. Simile etno devas unue pli, malpli memstariĝi por poste povi kunlabori kun aliaj popoloj.

***Etnismo/USM***: Parolante pri infanoj mi ĵus pensas, ĉu eble vi persone estas membro de iu minoritato en Albanio.

***Qirko***: Ne, mi ne apartenas al minoritato. Laŭ religia aspekto mi estas ortodoksulo. Okazas manipulado, ĉefe far grekoj kiuj konsideras ĉiujn ortodoksulojn grekoj. Mi estas el la regiono de *Zagoria* en la provinco de *Gjirokastër*, kiu najbaras al minoritataj areoj, sed estas pure albana. Ĝuste pro la fakto ke ĝi estas tutnajbare al Grekio, ĝi estas pure albana kaj minacata de greka asimilado.

***Etnismo/USM***: Pri la ideo de "Granda Albanio": Se iam ĉiuj ŝtatoj aŭ ĉiuj popoloj estos membroj de la eŭropa komunumo, tute ne gravos ĉu estos albanoj en Montenegro ktp., ĉar ĉiuj vivos en unu komunumo kaj ne bezonas havi la "Grandan Albanion".

***Qirko***: Mi persone ne samopinias. Estis tempo kiam, dum la socialisma, komunisma epoko, oni diris - unue *Lenin* kaj *poste Stalin* - ke socialismo solvos ĉiujn problemojn inter nacioj, sed la rusoj rusigis la tutan eksan Sovetion. Mi samopinias kun sinjoro *Moritz* kiu diras ke la etno, la popolo similas al infano: kiam ĝi estas malgranda, ne povas kunlabori, ĝi devas memstariĝi por poste povi kunlabori. [Post longeta albanlingva interveno de *Bardhyl Selimi*, sen traduko, la intervjuato daŭriĝas.]

***Qirko***: Ni albanoj volas aliĝi al la Eŭropa Unio, ĉar tiu ĉi reprezentas neeviteblan realaĵon politikan, ekonomian, socian. Kiel ajn ni ne volas absorbiĝi de la eŭropa kulturo, ni ne volas perdi niajn tradicion, folkloron, lingvon ktp. Ni, en figura maniero, volas esti parto de tiu florbukedo de ŝtatoj en Eŭropo.

***Etnismo/USM***: Tion mi celis. Estos iam - eble ni neniam vidos tion, ĉar daŭros tro longe - la albana floro ne nur en Albanio, sed ankaŭ en la najbaraj regionoj.

***Qirko***: Tion ni ne garantias, ĉar la praktiko, la historio montris ke grupoj de popoloj kiuj integriĝis en aliaj popoloj, perdis sian identecon, ekzemple, Francio perdis sian lingvon (6).
***Etnismo***: Jes, mi pensas tamen ke tiu problemo havas tiom da aspektoj, tiom da detaloj, tiom da niveloj ke oni ne povas ĝeneraligi. Kiam ĵus estis menciita Francio, mi tuj ekmemoris ke tiom da bretonoj, okcitanoj, alzacanoj kaj ĉiuj aliaj minoritatanoj same kiel la enmigrintoj el aliaj kontinentoj devis rezigni pri parto de sia identeco favore al la franca.

Dankante al la intervjuito pro la ampleksa respondado, la **IKEL**-delegacieto transdonis al li kelkajn internacilingvajn librojn kaj broŝurojn eldonitajn de **IKEL**. **U.S-M.** kaj **U.J.M.**
Fotis (ankaŭ titolpaĝo): *Ursula Schneller-Moritz*
(*) La delegacieto konsistis el ***Ursula Schnelle-Moritz*** kaj ***Uwe Joachim Moritz***.



"***SHQIPRI ETNIKE***" ("etna Albanio") - tiu slogano videblas en Kosovo same kiel en Albanio kaj esprimas la revon pri kreo de Granda Albanio ampleksanta parteton de Montenegro, Kosovon, nord-okcidentan Makedonion, kaj la aktualan Albanion.

Notoj:
(1) Vidu la noton (4) p. 10.

(2) En la parlamento de Kosovo dek seĝoj estas rezervitaj por deputitoj de la serba minoritato (kiu rifuzas okupi ilin) kaj pliaj dek por aliaj minoritataj grupoj.

(3) Laŭ la ĝenerala balotleĝa regulo, sur la niveloj de tutfederaciaj kaj federacilandaj balotoj, partio bezonas, por havi reprezentantojn en la koncernata parlamento, aŭ tri deputitojn elektitajn per simpla plimulto en la respektivaj balotdistriktoj aŭ minimume 5% de la validaj voĉoj sur la koncernata nivelo.

(4) *Eqrem Çabe*i naskiĝis en 1908 en *Eskişehir* (Turkio) kaj mortis en 1980 en Romo (Italio). Li estis unu el la plej gravaj albanaj lingvistoj okupiĝante precipe pri la historio, fonetiko kaj etimologio de la albana lingvo.

(5) *Schengen* estas urbeto en Luksemburgio ĉe la limo kun Francio kaj Germanio, kie estis subskribita, en 1985, kontrakto inter aro da (okcident-)eŭropaj ŝtatoj por iom post iom forigi ĉelimajn kontrolojn kaj faciligi la kunlaboradon de la policoj de la kontraktinta ŝtatoj.

(6) Supozeble temas pri miskompreno: Ne Francio perdis sian lingvon, sed la etnaj minoritatoj kaj la enmigrintoj.

Seán Ó Riain

# NOVA 20-JARA STRATEGIO POR LA IRLANDA LINGVO

La 21-an de decembro 2010 la irlanda registaro prezentis novan strategion por antaŭenigi la irlandan lingvon dum la periodo 2010-2030 (1). Kelkaj punktoj pri la strategio estas aparte gravaj:

1. Estas la unua fojo ke la irlanda ŝtato planas tiom longvide por la lingvo.
2. La strategio estas la frukto de longtempa scienca esplorado, kaj de kvarjara diskuto inter politikistoj en la parlamento. Ĝi do havas la subtenon de ĉiuj politikaj partioj kun reprezentantoj en la parlamento (*Dáil Éireann*), kaj ne riskas ŝanĝojn kiam ŝanĝiĝos la registaro.
3. La ĉefa celo de la strategio estas pligrandigi la nombron de homoj kiuj - ekster la eduksistemo - ĉiutage parolas la lingvon, de la nuna 83.000 al 250.000 en 2030, kaj la nombron de tiuj kiuj konas la irlandan de la nuna 1,66 milionoj al 2 milionoj.
4. Aldone la strategio celas pligrandigi je 25% la kvanton de ĉiutagaj parolantoj en la *Gaeltacht (geel-taĥt)*, la irlandparolantaj regionoj, kiuj estas plejparte en la okcidento de la insulo.
5. Parto de la strategio, kiu eble interesus aliajn eŭropanojn: la irlanda registaro laboros kun la EU-institucioj por forigi la nunan derogacion pri la oficiala statuso de la lingvo en EU ene de la periodo de la strategio. La nuna derogacio limigas devigan tradukadon irlanden al reguloj akoptitaj per la tiel nomata "kundecida proceduro" inter la Konsilio kaj la Parlamento (post la Traktato de Lisbono, la "ordinara leĝodona proceduro"). Do, oni antaŭvidas sufiĉe gravan pligrandigon de la kvanto de tradukistoj kaj interpretistoj por realigi tiun celon.

La irlanda lingvo, irlande *Gaeilge* (*geel'-ge*), estas kelta lingvo kiu havas unu el la plej longaj literaturaj tradicioj en Eŭropo: ekzistas poemo el la fino de la sesa jarcento, *Amra Colum Cille*, verkita en 597, okaze de la morto de la sankta *Colum Cille*. Ĝi estis la lingvo de la plejmulto de irlandanoj ĝis la komenco de la 19-a jarcento, kaj ĝia klasika literatura formo estis uzata ankaŭ en Skotlando ĝis la fino de la 18-a jarcento (2).
Konstitucie la irlanda estas la sola "nacia lingvo", kaj la unua oficiala lingvo de Irlando. Kvankam la lingvo preskaŭ malaperis pro la premo de la angla, ĝi nun havas grandan politikan subtenon: ĉiuj kvin ĉefoj de politikaj partioj en la parlamento estas fluaj parolantoj de la irlanda, kiel preskaŭ ĉiuj ministroj en la nuna irlanda registaro.

La venonta kongreso de EEU okazos la 16 - 20-an de julio 2012 en la okcidento de Irlando, en la urbo *Gaillimh/Galway* (EO: Galivo), kiu apudas la plej grandan irlandlingvan regionon de la lando. Krom la temo "Lingvolernado en EU: lerni pli, kosti malpli", ĉiujn atendos irlanda *céad míle fáilte* (= cent mil bonvenoj, tradicia formulo). SOR

Notoj:
(1) La tuta dokumento legeblas irlande ĉe http://www.pobail.ie/ie/AnGhaeilge/Straiteis/Straitéis.pdf,
kaj angle ĉe http://www.pobail.ie/en/IrishLanguage/Strategy/Strategy.pdf.

(2) Vi povas aŭdi kaj samtempe legi iom de la irlanda ĉe http://europa.eu/abc/european_countries/languages/irish/index_ga.htm?_ga.

2012 - 9a Kongreso de EEU

9-a Kongreso de €ŭropa €speranto-Unio
16–20 julio 2012
(kunlabore kun Esperanto-Irlando)
"Lerni lingvojn en la EU: lerni pli, kosti malpli"
Pli da informoj: www.europo.eu
Gaillimh / Galway
Irlando

# KONCIZE EL ...

**ADIGEIO**. La montaro Kaŭkazo estas iuspeca natura barilo inter Okcidento kaj Oriento, inter Kristanismo kaj Islamo. Por lingvistoj, ĝi estas neelĉerpebla fonto; eblas ŝerci, ke en ĉiu valo loĝas alia popolo kun alia lingvo. Deknaŭjarcente (ĉefe inter 1859 kaj 1864), multaj ĉerkesoj fuĝis la rusan imperion por instaliĝi en Omanon. Dudekjarcente la loĝantoj migris ĉefe al Eŭropo, Nord-Ameriko, Egiptio kaj Saŭda Arabio. La diasporo nuntempe troviĝas en 55 landoj; ĝi estas unu el la plej granda kaj plej stabila inter la rusiaj etnoj.
La nuna aŭtonoma respubliko estis kreita la 27-an de julio 1922. Malgranda respubliko, 7792 km$^2$, kadre de Federacio de Rusio, ĝi entenas 445.000 loĝantojn, inter kiuj 40% estas ĉerkesoj. La naturaj riĉaĵoj estas ŝtonoj, sablo, argilo, gaso.
Pri lingvoj kaj loĝantaro:

| | 1979 (Sovetunio) | 2002 (Fed.de Rusio) |
|---|---|---|
| Rusoj | 70,6% | 64,5 % |
| Ĉerkesoj | 21,4% | 24,2% |
| Armenoj | 1,6% | 3,4% |
| Ukrainoj | 3% | 2% |
| Kurdoj | 0% | 3,6% |

De pluraj semajnoj (novembro-decembro 2010) aperas en la rusa gazeto “Argumentoj kaj Faktoj” 4-paĝa reklamado pri la respubliko. Interese estas, ke antaŭnelonge estis subskribita dokumento, kiu fortigas la rilatojn kun la diasporo. Temas ĉefe pri interkonsento koncerne solidarecon kaj strategian decidon por haltigi la internacian aŭtoritaton de Federacio de Rusio. La diasporo (ĉefe en Turkio, Sirio, Jordanio, Israelo) estas influa.
La rilatoj estas ĉefe kulturaj, ekz. en muziko, Islamanoj kantas tutmonde rekoneblajn valorojn por ĉerkesoj. Islamo estas nemalhavebla ligo, tiom ke por la festo *kurban-Bajran* (*Aid* en Eŭropo), kiam islamanoj buĉas kaj manĝas ŝafon fine de Ramadano, diasporo el Turkio sendis 600.000 rublojn (iom malpli ol 20.000 eŭrojn), el Germanio venis 28.000 rubloj (9000 eŭroj), venis mono el Jordanio, ktp por helpi la lokajn loĝantojn festi.
Reklamado en “Argumentoj kaj Faktoj” celas ĉefe investantojn. La nuna Malneta Enlanda Produkto (MEP) estas 84.200 rubloj/loĝanto. Necesas konstrui aŭ rekonstrui fabrikojn (ĉiuspecajn, en la kampo de manĝindustrio, konstruindustrio aŭ aliaj), digojn trans riveroj por sendependiĝi de energio el Rusio kaj havi sian propran elektron, sportajn ensemblojn (venonte okazos la Vintraj Olimpiadoj), konstrui feriajn centrojn aŭ feriajn vilaĝojn.
Krome loĝas tataroj, belorusoj, romaoj, grekoj, azeroj, ĉeĉenoj, ĉiuj sametnanoj retroviĝas en sama urbo, vilaĝo aŭ administra regiono. *Renée Triolle*

**FRANCIO. LA LASTA BRETONPAROLANTO, KIAM?** La kolektivo *Ai'ta* kunigas plurajn lokajn kolektivojn naskiĝintajn en *Tregor* je 2005, laŭ la iniciato de pluraj junuloj, motivitaj por defendi la bretonan lingvon. Tiuj kolektivoj estas aŭtonomaj, organizitaj surbaze de libera federaciismo kaj grupigitaj ĉirkaŭ samaj objektivoj kaj bazaj principoj kiel sendependeco de la politikaj partioj, neperforto, senhierarkieco kaj rekta demokratio. *Ai'ta* respektas la Homajn Rajtojn kaj rifuzas ĉian rasismon, ekskludon kaj maltoleremon. La objektivoj de tiuj diversaj kunigitaj kolektivoj estas vivigi la bretonan lingvon per dulingvismo en la publika uzado kaj prezenti modernan bildon de la lingvo, atentigante la bretonojn pri ilia lingvo nuntempe grave minacata, kvankam ĝia malapero ne fatalas.
Tiu kolektivo alvokis al festa manifestacio centre de la urbo *Rennes* la 9-an de aprilo. La manifestacio titolita “La lasta el la bretonparolantoj - *Ar brezhoneger diwezhañ*” celis kunigi plejmulte da partoprenantoj por postuli leĝaron prilaboritan de la bretonoj mem kaj aplikeblan sur la 5 bretonaj departementoj, tekston respektantan la bretonan lingvan diversecon kaj konsiderantan la socian aspekton. La manifestacio denuncis la fakton ke la franca ŝtato daŭre malakceptas ĉiun statuson por la bretona lingvo, kaj tiel kondamnas ĝin al iompostioma, sed fatala malapero.
Laŭ la agkutimo de tiu kolektivo la manifestacio okazis en luda etoso. Je homamasa horo oni starigis sur la urbodoma placo altan eskalon simboligantan la estonton. Ĉirkaŭ ĝi disvolviĝis grandan muzikseĝan ludon, kie oni forprenis seĝon je ĉiu muzikhalto ĝis resto de nur unusola, por montri ke, sen oficiala statuso, por la bretona lingvo baldaŭ restos nur unu parolanto.
Artikolo de la bretona gazeto *Le Télégramme* raportas pri la lasta eldono de la Atlaso pri Endanĝerigitaj Lingvoj de UNESKO, kie la bretona situas en grava danĝero, je la nivelo 2 de tiu Atlaso. Tio signifas, ke «la lingvo estas parolata nur de la avoj kaj de la plej aĝaj generacioj, kaj ke ja la gepatroj plu kapablas ĝin kompreni, sed ne plu uzas ĝin inter si kaj kun siaj infanoj». *NM*




**- INFORMILO 67**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj,**
**Honora prezidanto:**
*Uwe Joachim Moritz*

## Karaj legantoj,

Pluraj el vi certe surpriziĝis pri la tutgriza interno de la lasta numero. Via redaktistino ja pleje malgajis pro tio. Efektive tiu lasta numero devus havi multe da ko-

loraj bildoj, ne nur titolpaĝe. Pri la grizeco respondecas la presejo, kiu akceptis kompensi tiun eraron. Mi do esperas, ke vi ĝojas kiel mi, trovi tiun ĉi numeron tutkolora kaj iom modernigita. *NM*

## RONDA TABLO EN SARAJEVO.

**IKEL** estis invitita al la Ronda Tablo okazinta pro la 100-jariĝo de la Esperanto-movado en Bosnio kaj Hercegovino. De la 29-a ĝis la 31-a de oktobro 2010 reprezentantoj el 14 landoj kontribuis al la temo: “Eŭropa Unio - Hieraŭ, Hodiaŭ, Morgaŭ - Lingvaj kaj Kulturaj Aspektoj”. Nia estrarano *István Ertl* reprezentis **IKEL** en tiu aranĝo kaj kontribuis per raporto koncerne la “Lingvajn minoritatojn en Eŭropo”. Se ĉiuj intervenoj koncernis lingvajn, identecajn kaj multkulturajn aspektojn de EU, pluraj rilatis pli rekte etnajn temojn: *Oscar Puig*, filo de nia kasisto, traktis la temon: “Lingvo, nacio, ŝtato”, *Nicola Rašić* “La romaa: la plej eŭropa lingvo el ĉiuj, sed tamen...”. La referaĵo de *Fabrizio Pennacchietti* ankaŭ pli malpli rilatis al etnismo: “Lingva hegemonio pro kultura prestiĝo”. En la Eŭropa Bulteno no 10 de oktobro 2010 *Zlatko Tiŝlar* raportis pri tiu evento (1). Ni aliĝas la sugeston de la raportanto, ke gravas «aperigi kolekton de referaĵoj libroforme kiel kontribuon al la tiutema teorio». *NM*

Noto:

(1) www.europo.eu

## LINGVA FESTIVALO EN ĈUVAŜIO

Ni rememorigas vin ke Rusia Esperantista Kongreso okazos en Ŝupaŝkaro-Ĉeboksaro (Ĉuvaŝio) de la 20-a ĝis la 23-a de oktobro; oni planas la okazigon de diskutkunveno pri minoritatigitaj lingvoj kun la partopreno de diversaj **IKEL**-aktivuloj. Por ili oni pretigos apartan programon en la antaŭaj tagoj en kiuj okazos renkontiĝoj kun aktivuloj pri mezvolgiaj lingvoj (ĉefe: ĉuvaŝa, tatara kaj marea). Interesitoj dezirantaj partopreni la kongreson, la kunvenon kaj/aŭ prezenti sia(j)n lingvo(j)n en la festivalo bonvolu kontakti *Hektor Alos i Font* (hectoralos@gmail.com). *HAiF*

## IKEL EN LA VENONTA UK

**IKEL** ĉeestos la Universalan Kongreson en Kopenhago. Pliaj informoj pri tio aperos en ***Etnismo*** numero 88.

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj** (**IKEL**) ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5 € (inkluzive de la afranko). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la “**IKEL-Informilo**” estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

**ESTRARO:**

**PREZIDANTO:** **Daniele VITALI** (padiano),
Rue de Flandre/Vlaamse Steenweg 143
B-1000 Bruxelles / Brussel
tel. poŝa: ++ 32 487 433698, retadreso: etnistoj@bigfoot.com
TTT-ejo: http://ikel.stel.net

**VICPREZIDANTO KAJ REDAKTISTO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino),
ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
tel: ++ 41 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO:** **Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
Zuberoa Auzunea 4-1.D,
20400 Tolosa, Gipuzkoa, Euskal Herria/Eúskio
tel: ++ 34 630 44 68 63,
retadreso: fokomelo.makolji@gmail.com

**KASISTO:** **Llibert Puig** (kataluno)
Güell i Ferrer 223-1, ES-08203 Sabadell, Catalunya
tel: ++34-937109636, retadreso: l.puig@esperanto.cat

**KUNREDAKTISTO:** **Alain FAVRE** (savojano),
Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171,
FR-74140 Chens-sur-Léman, tel: ++ 33 450 94 02 08,
retadreso: afavre1@hotmail.com

**RILATOJ KUN ESPERANTO-GAZETOJ:**
**István ERTL** (hungaro), 22, rue Faulfiels
LU-7355 Helmdange, Luksemburgio,
tel. ++ 352 2633-2659, retadreso: istvan.ertl@gmail.com

**ESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), Mir pr. 15-55, RU-428024 Ŝupaŝkaro, Ĉuvaŝio-Rusa Federacio
retadreso: h.alos@esperanto.cat
**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko),
Manuel Iradier, 22-1-ezk. ES-01005 Gasteiz
Euskal Herria-Eŭskio
retadreso: xabirico@euskalnet.net

**SENDOSERVO:** **KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO,**
poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: ++ 34 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

**KOTIZOJ KAJ KONTOJ:**

| Kotizoj | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanta | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ “tria-monda” lando, aŭ estas stu-dento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian **IKEL**-kotizon **ekskluzive** al la konto de **IKEL** ĉe **UEA** (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de:
**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
(Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  BLZ 370 10050 IBAN:
  DE51370100500318291509SWIFT PBNKDEFF
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  IBAN: SE9595000099604200743740,
  SWIFT **NDEASESS**
- SVISA pĝk **12-2310-0** (Bulle)

Ĉiukaze indiku “**ikel-y**” kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certiĝi ke via kompleta kotizo alvenu en la **IKEL**-konto: **IKEL** absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

Eblas reklami en ***Etnismo***!
Anonctarifo: (EUR): 1 p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p.

**Venonta redaktolimdato:**
**31-an de majo 2011**